# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* — *№ 4 (83) aŭgusto 2014*






**Moskvo, 2014**

# enhavo





65-jariĝinta Mikaelo Bronŝtejn – la ĉeforganizanto de TEMoj


**REGo**

(Rusia Esperanto-Gazeto)

№ 4 (83) aŭgusto 2014

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

**abontarifoj por 2014:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 580 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj*
*pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** – *300 rub. (10 eŭr.)*

# Tiĥvin akceptas la gastojn

**Statistiko de TEMoj** ***(preparis Aleksandr Belov):*** Tiĥvinajn Esperanto-Metiejojn (12-19.07.2014) partoprenis 86 personoj (33 viroj + 53 virinoj) el 5 landoj (Germanio, Francio, Kazaĥio, Latvio, Rusio), 24 urboj: Tiĥvin – 22; Moskvo – 12; Sankt-Peterburgo – 11; Riga (Latvio) – 5; Krasnojarsk, Koroljov – po 4; Arĥangeljsk, Ĉeljabinsk – po 3; Jekaterinburg, Ivanovo, Soĉi, Novoĉerkassk, Ustj-Kamenogorsk (Kazaĥio), Germering (Germanio) – po 2; Caen (Francio), Buĥovoje (Lipecka reg.), Tomsk, Usinsk, Dubna, Volgograd, Jalta, Toboljsk, Elektrostalj, Odincovo – po 1.

## TEMoj-2014: IMPRESOJ DE LOKA ORGANIZA TEAMO

**Aleksandr Belov:** Kiam pasintjare dum kunsido de nia klubo aperis demando: ĉu ni faros TEMojn? – mi levis ambaŭ manojn por. Mi sciis, ke necesos multe labori, sed vidis, ke ni povos travivi bonegan semajnon en la lando Esperantujo hejme, nenien veturante. Bedaŭrinde, mi ne ĉion sukcesis viziti en la taga programo, ĉar foje estis okupita pri diversaj mastrumaj aferoj (mendo de busoj, registrado de eksterlandanoj ĉe la loka fako de Federacia Migrada Servo, aĉetado por kafejo ktp), sed vespernoktaj programeroj min plene plezurigis per multaj koncertoj kaj plejparte per komuna kantado. Mi ĝojas, ke mi renkontiĝis kun malnovaj amikoj kaj konatiĝis kun la novaj.

**Viktor Kandalinskij:** Miaj plej profundaj impresoj de TEMoj restis de renkontoj kun malnovaj amikoj. Nur imagu ke la lastan fojon mi feliĉis renkonti Sveta Birjukova en 1991!




**Aleksandr Koroteckij:** Estis tre amikeca kaj bonanima etoso, ĝoja interkomunikiĝo de homoj, entuziasmiĝintaj pri la komuna afero, bonega vetero, interesa programo.

**Vasilij Baraŝkov:** Tiu ĉi aranĝo estas memorinda por mi pro la konatiĝo kun Andrej Korobejnikov. Dum tri tagoj mi restadis kun li. Miaj impresoj pri la persono kaj muzikisto estas admiraj. Li estas neaŭgurebla en la muziko, ankaŭ en la vivo. Liaj decidoj,

postulataj de situacio, estas eksteratendaj. Jen ni iras kontroli la pianon – certe, bezonata ago, sed subite li decidas viziti la Tiĥvinan ikonon... Mi atendas en la interkonsentita tempo, li ne venas, kaj mi maltrankvilas, ĉar la koncerto povas fiaski, sed subite li aperas de ie kaj ni haste impetas en la Kulturpalacon. Mi timas, ke la tempo ne sufiĉos por lia prepariĝo al la prezentado. La nervoj streĉitas, kaj, damne, iu telefonas al li pri la koncertoj en Japanio, Francio... La koncerto finiĝas. Mi vidas feliĉajn vizaĝojn de la aŭskultintoj. Sed min atendas plia komunikiĝo kun Andrej. Lia atenta, bonkora rilato al la ĉirkaŭantoj, absoluta nedeziro krei ŝatantamason ĉirkaŭ si, zorgema redukto de siaj deziroj estas perfekta. Ankaŭ mia edzino-muzikistino estas ravita de li – la muzikisto kaj homo.

**Natalja Rajskaja**: La renkontiĝo lasis brilan spuron en mia animo pro agordita laboro de la tiĥvina teamo, en kiu ĉiuj estis unuiĝintaj, asistintaj unu la alian kaj – neripeteblaj. Sed ankaŭ la ceteraj partoprenintoj, eĉ steluloj, estis niaj teamanoj. Se mi parolu pri la plenaĝuloj, mi memorfiksis multajn – Svetlana Birjukova el Kazaĥio, Andrej Obrezkov el Ivanovo, Sergej Straŝnenko el Latvio, Evelina Sokolova el Krasnojarsk kaj certe – Andrej Korobejnikov – magiisto de muziko kaj en la vivo – gaja, tre interesa rakontanto, kompaniema knabo. Pri la infanoj endas diri speciale: memsufiĉaj, aktivaj, komunikiĝemaj, tre talentaj, inter kiuj la plenaĝuloj pleje ŝatis la etulojn – Matjunja (Matvej Krejson), Manjunja (Maŝa Konopljanova) kaj Liska (Alisa-la-eta). La renkontiĝo estis plenplena je eventoj, riĉenhava je kursoj, prelegoj, koncertoj kaj tre varma, animplena, homeca kaj senlime gaja. Firmiĝis iamaj ligoj, aperis novaj konatoj, sekve nin atendas novaj renkontiĝoj.



**Vera Vlasova**: Belegaj someraj tagoj. Bonegaj, feliĉaj homoj. Bonega feriado! La renkontiĝo en Tiĥvin montris al mi, ke unu semajno povas esti perfekte ripoza. Impresoj de la koncertoj, interkomunikado kun amikoj, prezento de nia koncerta programo estis por mi tre agrablaj travivaĵoj. Mi

dankas Sergeon Straŝnenko por lia helpo en nia koncerto, dank' al li nia programo iĝis pli interesa. Al mi tre plaĉis, certe, la koncertoj de Andrej Korobejnikov kaj de la triopo – Andrej Obrezkov, Evelina Sokolova kaj Aleksandro Osokin. Ili estis belegaj!



**Mikaelo Bronŝtejn:** Kredu min, (kun)organizintan dum mia konscia esperantista vivo aron da amasaj aranĝoj: preparado kaj prizorgado de tiu ĉi lasta estis la plej malfacila por mi. Sed la rezulto pravigas la laboron, kaj la rezulto estas tute bona. Unue, ĉar, malgraŭ intertempa perdo de kelkaj aktivuloj, forlasintaj la urbon, ni sukcesis realigi vere teaman laboron – la klubo unuiĝis ĉe tiu kaj nun estas multe pli amikiĝinta, hardita, preta agi plu. Due, ĉar ni ricevis eksteratende bonan subtenon en la urbo kaj en la regiono: kelkaj politikaj partioj kaj multaj firmaoj sponsoris la aranĝon, multe helpis la estro de la Tiĥvina distrikto Aleksandr Lazareviĉ, ne veninta por saluti la TEManojn nur pro trafo en duhoran vojŝtopiĝon. Tamen venis persone por nin saluti vicprezidantino de la Leningradregiona parlamento, Galina Kulikova. Loka radio, televido kaj gazetaro pozitive raportis pri la aranĝo. Esperinde, tia atento plus la brila koncerto por la urbanoj estas bona reklamo kaj venigos en la klubon novajn anojn.

Kio efektiviĝis sukcese? – La Lingva metiejo kun kursoj, bonege aranĝitaj de Irina Gonĉarova kaj Svetlana Smetanina, kun riĉenhavaj prelegoj de Andrej Obrezkov, Dima Ŝevĉenko, Irina Gonĉarova. La Vivometiejo, kie pli ol deko da vivospertaj geuloj serioze





kaj ŝerce edifis la publikon per la persona ekzemplo. La Arta Metiejo kun mirinda leciono de Irina Konopljanova pri dekstraduongloba pentrado, kun brila porurba koncerto de la senkompara pianisto Andrej Korobejnikov, kun kortuŝe ĉarmaj vesperoj – de la Peterburga rokoperejo, de la famaj espaj bardoj Evelina Sokolova, Andrej Obrezkov, Sergej Straŝnenko, Mikaelo Povorin kaj la junaj – Jelena Birjukova kaj Olga Tiĥomirova, ankaŭ la Tiĥvina muzika vespero kun Vera Vlasova kaj Inga Krejson. La Sporta metiejo kun spirgimnastiko far Tatjana Glaznica, alfabeto de aikido far Vasilij Baraŝkov, maratonlernejo de Aleksandr Belov kaj ĉiutaga/nokta naĝado en la lago. Ankaŭ la Luda, Traduka, Diboĉa, Poezia, Geografia metiejoj estis ege atentokaptaj...

Kio ne efektiviĝis? – La Movada metiejo. Certe, pro tio, ke ne venis la plej engaĝitaj aliĝintoj: Anatolo Gonĉarov kaj Mikaelo Ĉertilov. Mi opinias, ke tiu ĉi manko ne tro lezis la tutecon de TEMoj; pri la movadaj problemoj do ni parolu aliloke. Pli bedaŭrindas por mi la neveno de Nataŝa Berce, kies koncerton mi aspiris kaj antaŭĝuis.



Ĉe la buso, forironta Peterburgon en la lasta mateno de TEMoj, min aliris Klara Ilutoviĉ kaj diris mallaŭte: «Mi estis feliĉa ĉi tie». Ankaŭ mi.

# BORIS KOLKER

## *MIA VIVO EN ESPERANTO-LANDO*

### LA SUNA MOLDAVIO

Mi naskiĝis la 15-an de julio 1939 en Tiraspol (Moldavio, Sovet-Unio; nun la ĉefurbo de Transdnestrio). Dum la Dua mondmilito nia familio, fuĝante de nazioj, evakuiĝis en Uzbekion. En la jaroj 1944-65 mi loĝis en Kiŝinev, la ĉefurbo de Moldavio. En la jaro 1956 okazis du gravaj eventoj: mi eksciis pri Esperanto el la ruslingva versio de la revuo "*Pollando*" kaj finis la faman mezlernejon № 3. En la jaro 1957 okazis du aliaj gravaj eventoj: mi studentiĝis en la pedagogia instituto (supera lernejo) de Tiraspol pri la specialecoj "rusa lingvo, literaturo kaj franca lingvo" kaj eklernis memstare Esperanton per la libreto de Nikolaj Andrejev, kiu enhavis nur koncizan gramatikon kaj du vortaretojn. Ĉar mi ne sciis, ke Esperanton necesas lerni du horojn en semajno (kiel oni kutime faris en kursoj), mi dediĉis al tio la tutan haveblan tempon. Rezulte post du monatoj mi ekgvidis mian unuan kurson de Esperanto per pollingva lernolibreto de Leo Turno (la polan lingvon mi komprenis nur iom) kaj instruante lernis mem. Ljudomir Sobanski (Ukrainio, poste Litovio) estis la unua persono, kiu helpis min per lernolibroj kaj gazetoj. Eĉ pli gravaj du eventoj okazis en la jaro 1959: printempe mi edziĝis al Esther (tiam konata per voknomo Fira), al kiu mi pli frue instruis Esperanton, kaj fine de la jaro naskiĝis nia filino, denaska esperantistino, kun bela esperantlingva nomo Bela. Malnovaj esperantistoj memoras ŝin, ĉar ŝi partoprenis kelkajn Esperanto-tendarojn kaj Volgo-Uralajn renkontiĝojn. Krome en januaro 1959 okazis en Odeso la unua por mi kaj por Vladimir Samodaj longa kaj serioza konversacio en Esperanto. Samtempe mi konatiĝis kun Anatolo Gonĉarov, tiam vizitanto de elementa Esperanto-kurso de Tigran Peŝtimalĝan, armeno repatriiĝinta el



*unujara esperantisto, 1958*

Bulgario. En la jaro 1960 okazis eĉ kvar gravaj eventoj. Unue, mi verkis ampleksan studentan studon pri la problemo de internacia lingvo (sub scienca gvidado de akademiano Paul Ariste); due, mi partoprenis la 2-an Baltan Esperanto-tendaron (BET-2) en Estonio, kie mi fondis tendaran universitaton per tri prelegoj laŭ tiu mia verko; trie, nia familio transloĝiĝis en Kiŝinevon, kie ni daŭrigis la studadon en la ŝtata universitato kaj mi finis ĝin en 1962. Kaj kvare, en la jaro 1960 mi enrigardis lernolibron de la angla lingvo kaj mire notis, ke kun scio de Esperanto kaj de la franca lingvo, la angla lingvo estas sufiĉe facile lernebla. Tial mi rapide trastudis la bazon de la angla lingvo, samvoje enprofundiĝis en la moldavan/rumanan lingvon, kiu leksike proksimas al Esperanto, kaj flue ekparolis ĝin. Post la universitato mi laboris kiel bibliografo en la fremdlingva fako de la Respublika biblioteko de Moldavio. Krom instrui tie Esperanton, mi kreis ĉe la biblioteko kaj gvidis Internacian klubon kun esperantlingva nomo "*Mondo*", kies ĉiumonataj kunsidoj finiĝadis per kunvenoj de esperantistoj.

## LA FROSTA URALO

La unua elmigrado de nia familio daŭris 28 jarojn (1965-1993). Serĉante pli bonajn laborojn kaj loĝkondiĉojn, ni forlasis la sunan Moldavion, kie pasis niaj infaneco kaj juneco, kie restis la gepatroj, parencoj, amikoj, kolegoj kaj konatoj, kaj forveturis al la fora, frosta Uralo, en Baŝkirion, kie ni konis neniun. Du jarojn ni loĝis en la urbeto Birsk, kiu baldaŭ iĝis konata inter sovetiaj esperantistoj pro la nova aktiva Esperanto-grupo. La ceterajn 26 jarojn ni pasigis en la granda urbo Ufa, la ĉefurbo de Baŝkirio. Mi instruis en la fremdlingvaj fakultatoj de la pedagogiaj institutoj la lingvosciencon (kun unu lekcio plene dediĉita al la interlingvistiko), la francan kaj latinan lingvojn. Kompreneble, la scio de Esperanto ebligis al mi rapide enprofundiĝi en la latinan kaj interese prezenti ĝin al miaj studentoj. Dum




*en ĵurio de la belarta konkurso Liro-1979*

unu jaro mi instruis al studentoj-filologoj de la universitato specialan kurson de interlingvistiko. Mia edzino Esther laboris en la pedagogia kaj aviada institutoj, instruante matematikon kaj fizikon. Poste ŝi transiris en matematikan mezlernejon. Same kiel mi, ŝi gvidis Esperanto-kursojn; inter ŝiaj lernintoj estis konataj rusiaj esperantistoj, estontaj docentoj Nina Cvileneva kaj Nikolao Ŝigajev. Ni klopodis, ke pli-malpli ĉiuj niaj esperantistoj gvidu kursojn. Tial la Ufa Esperanto-klubo rapide kreskis kaj fortiĝis, ofte okupante premiajn lokojn en la tutlanda konkurado de Esperanto-kluboj. Kiel ni instruis, se mankis lernolibroj de Esperanto? Mi akiris kompleton de materialoj por Cseh-metodo, fotis ilin kaj disdonis al ĉiu kursgvidanto kopion de la materialoj. La instruado per Cseh-metodo pruviĝis alloga kaj tre efika. En majo 1968 mi organizis en Ufa la unuan Volgo-Uralan renkontiĝon, kiu fariĝis tradicia, okazante dufoje ĉiujare sub la nomo REVU (Renkontiĝo de esperantistoj de Volgo kaj Uralo). (Noto por la historio: la nomon REVU aŭtoris Viktor Laptev el Ĉelabinsk.) En la jaro 1970 la jam forta Ufa Esperanto-klubo organizis sub mia gvido en Kuŝnarenkovo (Baŝkirio) la tendaron SEJT-12 (SEJT – Sovetia Esperantista Junulara Tendaro).



*REVU-8, Salavat, 1974*

La rusa scienc-teknika terminologio enhavas amason da maloftaj vortoj, pruntitaj el eŭropaj lingvoj kaj konataj precipe al fakuloj. Plimulto el ili parencas al oftaj Es-



*premio al Ufa E-klubo por la 1-a loko en konkurado*

perantaj vortoj. Tial mi notis, ke mi facile komprenas signifojn de multaj maloftaj terminoj de la rusa lingvo. Tio venigis min al la penso provi miajn fortojn en scienc-teknika tradukado. Mi komencis fari tradukojn el la angla kaj romidaj lingvoj en la rusan laŭmende kiel kromlaboron. Kompreneble, Esperanto ofte helpis min kompreni nuancojn de signifoj de terminoj. En la jaro 1969 mi definitive transiris al la laboro de tradukisto, komence pri sociologio. Poste dum tri jaroj mi laboris kiel interpretisto kun teknikistoj de la franca aŭtomobila kompanio Renauld (Reno), kiu konstruis en Ufa uzinon de aŭtomobilaj motoroj. Kaj la lastajn 20 jarojn en Ufa mi estris tradukan servon en granda scienc-esplora instituto de nafta geofiziko. Krome mi tradukadis laŭmende pri plej diversaj fakoj.

## IAM FORA SED NUN PROKSIMA USONO

La dua elmigrado de nia familio komenciĝis en la jaro 1993 kaj daŭras ĝis nun. Ni forlasis Rusion kaj ekloĝis en la usona urbo Cleveland (Klivlend), subŝtato Ohio. Kvankam mi estis jam 54-jara, mi ne pensis, ke mi havos grandajn problemojn trovi bonan laboron: ja mi sufiĉe bone regis la anglan lingvon, havis doktoran gradon pri lingvoscienco kaj estis sperta tradukisto de scienc-teknika literaturo; krome, en Usono estis multe da esperantistoj, kiuj, mi supozis, helpos min, se necese, trovi iun decan laboron. Ho ve, ho ve! Pro la fino de la "malvarma milito" la usonaj universitatoj reduktis instruadon de la rusa lingvo al minimumo. Dufoje mi instruis Esperanton en someraj kursoj ĉe universitatoj en San-Francisko kaj Hartford; kvankam mi estis pripagita tre bone, tio estis unufojaj mallongaj laboroj. Iu konata lingvisto-profesoro-esperantisto eĉ konsilis al mi serĉi laboron de oficeja purigisto. Evidentiĝis, ke, malsame al Rusio, scienc-teknika tradukado estas malmulte praktikata en Usono: usonaj fakuloj preskaŭ ne interesiĝas pri neanglalingvaj publikaĵoj. Komence de la jaro 1994 mi aĉetis komputilon kaj rapide lernis uzi ĝin por preparo de tradukoj, interreto kaj pri-Esperantaj aferoj. Kaj traduka laboro venis; nun el la rusa lingvo en la anglan – jen plurfoje por NASA (agentejo pri kosmaj esploroj), jen por aliaj organizaĵoj, juĝejoj,



advokatoj ktp. Tamen tio estis nur okazaj laboretoj. Fine mi trovis simplan, modeste pripagatan oficejan laboron en granda advokata firmao, kie mi pasigis pli ol kvar jarojn. Nia filino Bela kaj ŝia edzo Leo fondis malgrandan komputilan firmaon kaj invitis min esti estro de la oficejo. Tiun agrablan laboron mi plezure plenumis ĝis la emeritiĝo. Kompreneble, tiuj kaj aliaj zorgoj lasis al mi malpli da tempo por okupiĝi pri Esperanto. Ekde la jaro 1996 mi fariĝis redaktoro pri libroj por la gazeto "*Monato*", kie mi redaktis ĝis nun pli ol 500 recenzojn. Mi partoprenis kaj prelegis aŭ publike parolis en 3 landaj Esperanto-kongresoj kaj en usona-kanada renkontiĝo. Kiam nia materiala situacio stabiliĝis, mia edzino Esther kaj mi vojaĝis enlande kaj eksterlande, precipe partoprenante Universalajn Kongresojn (Israelo, Brazilo, Ĉinio, Litovio, Japanio). Malgraŭ la malfacila komenca periodo de adaptiĝo, nia familio estas tre kontenta pri sia vivo en Usono. Krom la nepoj Aleksandro kaj Eŭgeno, kiuj venis el Rusio, en Usono naskiĝis nia nepino Michelle (nun 14-jaraĝa) kaj du niaj pranepoj – Adamo kaj Mateo. Fine de tiu pri-usona ĉapitreto jen malgaja noto. Dum mia 35-jara Esperanto-agado en Sovet-Unio ĉe mi kolektiĝis tre granda Esperanto-biblioteko kaj amasiĝis granda Esperanto-arkivo. La plej valorajn librojn mi transsendis en Usonon. La aliajn mi disdonacis aŭ vendis kontraŭ eta prezo. Ĉar neniu ufano povis transpreni mian arkivon por konservado, venis Aleksandro Kogan kaj forveturigis ĝin en Peterburgon. Tie ĝi estis tenata dum jaroj en la ejo de klubo "Espero". Sed kiam la klubo perdis la ejon, mian arkivon la klubgvidantoj forĵetis en rubejon, dispreninte belajn diverslandajn bildkartojn. Nu, kion fari! Gravas, ke ni mem vivas (dume), sed la paperoj estas nur malforta reflekto de nia vivo.

## INTERLIGVISTIKO KAJ ESPERANTOLOGIO

Komence de la jaro 1962 mi konatiĝis en la Instituto de lingvoscienco de la Akademio de Sciencoj de USSR en Moskvo kun profesoro Jevgenij



*kunsido de la Akademio de Esperanto, 90-a UK, Vilnius, 2005*

Bokarjov kaj interkonsentis, ke mi provu aliĝi al la aspiranturo (doktoriga studejo) ĉe la Instituto. Li pretis esti mia scienca gvidanto. Mi verkis por tio interlingvistikan studon kaj provis. Provis mi kelkfoje, sed ĉiam la disponebla loko en la aspiranturo evidentiĝis destinita (formale aŭ neformale) por iu alia. Intertempe mi sukcesis plenumi ĉiujn ekzamenojn, necesajn por prezento de disertacio, prelegis en lingvistaj konferencoj, publikigis artikolojn, sed ŝanco trafi en aspiranturon plu forestis. Kaj kiam mi perdis esperon kaj ĉesis okupiĝi pri la afero, la sorto subite ekridetis al mi, prezentante ŝancon studi en tiu aspiranturo koresponde laŭ la specialeco "ĝenerala lingvoscienco". Kvankam mi estis jam 42-jara, mi decidis provi. Jevgenij Bokarjov ne plu estis vivanta. Sed profesoro Magomet Isajev konsentis esti mia scienca gvidanto. Mi elektis la temon "*Kontribuo de la rusa lingvo al la formiĝo kaj evoluo de Esperanto*". Magomet Isajev diris al mi: "Vi scias pri la temo pli bone ol mi. Do mi ne povos helpi vin tiurilate. Laboru mem. Sed kiam venos la tempo por defendo de la disertacio, mi donos al vi praktikajn konsilojn, kiel aranĝi la referaĵon kaj prezenti la raporton, kiel konduti dum la defendo". Kaj vere, tiuj liaj konsiloj estis valoraj. La 25-an de aprilo 1985 mi sukcese defendis doktoran disertacion en la Speciala disertacia Konsilio ĉe la Instituto de lingvoscienco, konsistanta el famaj lingvistoj. Mi notu, ke la sovetia/rusia scienca grado "kandidato de sciencoj" (kiun mi ricevis) konformas al la eŭropa grado "doktoro de sciencoj".

Meze de la jaro 1991 mi petis al fama esperantologo, iama Prezidanto de la Akademio de Esperanto profesoro Gaston Waringhien (kun kiu mi havis korespondadon dum multaj jaroj) kandidatigi min en la Akademion, kion li afable faris. Pli ol dek akademianoj subtenis la kandidatigon. Kaj en la jaro 1992 mi elektiĝis membro de la Akademio de Esperanto. Mi aktive partoprenas ne nur ĝeneralajn diskutojn kaj decidojn, sed ankaŭ laboras en la sekcioj Ĝenerala Vortaro kaj Lingva Konsultejo. Dum 3 jaroj mi estis Direktoro de la Lingva Konsultejo. Kun mia subteno en la Akademion membriĝis pluraj valoraj personoj. Mi estis reelektita en la Akademion en la jaroj 2001 kaj 2010.


*kun Aleksandr Strautmanis en BET-2, Estonio, 1960*

## ESPERANTO-ORGANIZAĴOJ EN SOVETIO KAJ RUSIO

Mi venis en Esperantujon 20 jarojn post la komenco de frakaso kaj mortigo de Esperanto-movado en Sovet-Unio dum la tempo de la diktatoro Stalin. Tiam ankoraŭ validis cenzura malpermeso pri pozitiva mencio de Esperanto en la gazetaro kaj libroj (tiu malpermeso estis formale forigita nur fine de la jaro 1969). Ne estas loko ĉi tie por klarigi detalojn. Mi diru nur, ke en la socio ekregis odoro de libero, kiun alportis la "degelo" de Ĥruŝĉov. En tiuj kondiĉoj estis kreita SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado), kies unua estraro konsistis el Anatolo Gonĉarov, Vladimir Samodaj kaj Boris Kolker. (Noto por la historio: la nomon SEJM aŭtoris Vladimir Samodaj; mi aŭtoris la nomon SEJT – Sovetia Esperantista Junulara Tendaro.) Sufiĉe rapide SEJM fariĝis amasa kaj tre agema organizaĵo. Kvankam ĝi ne povis oficiale registriĝi, ĝi organizis tendarojn kaj regionajn renkontiĝojn, eldonis gazetojn ktp. Kutime dum tendaroj mi gvidis paroligajn kursojn kaj akceptis ekzamenojn en



*elektita Prezidanto de SEJM, kun la komitatanoj, SEJT-13, Kievo, 1971*

ĉiuj grupoj. Mi estis kungvidanto de SEJM kaj de la sekvintaj landaj organizaĵoj: ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj), SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unio), REU (Rusia Esperantista Unio) kaj kutime respondecis pri informado kaj pri instruado de Esperanto. (Plia noto por la historio: mi iniciatis kreon de REU kaj proponis ĝian nomon.) Mi kaj Boris Tokarev estis organizintoj kaj gvidantoj de ĈAK (Ĉefa Atesta Komisiono), kiu akceptis instru-rajtigajn ekzamenojn. Estas amuze, ke kvankam mia subskribo staras sur miloj da atestiloj, mi mem havas neniun atestilon, eĉ ne pri fino de elementa kurso. Interesegaj detaloj pri la sovetia Esperanto-movado legeblas en "*Rememora-anekdota intervjuo-konversacio kun Boris Kolker kaj Anatolo Gonĉarov, preparita de Andreas Künzli*" en la gazeto

"*Spegulo*": <http://e-novosti.info/forumo/viewtopic.php?t=5124>[1].

Mi citu nur jenon, kion mi diris en tiu intervjuo: "Por klarigi la sintenon de sovetiaj oficialuloj al Esperanto, jen amuza anekdoto. Dum dek jaroj de ASE mi havis tri longajn personajn konversaciojn kun Miĥail Peslak, vicprezidanto de SSOD (Unio de sovetiaj societoj de amikeco kun eksterlando), al kiu apartenis ASE. Cetere, kiel diris al mi Ruben Saakov, la fakestro respondeca pri ASE, mia samizdata Esperanto-lernolibro estis 'surtabla libro' de Peslak, kio signifas, ke ĝi ĉiam kuŝis sur lia tablo (kia honoro!). Do jen. Subite dum la lasta konversacio Peslak prenas de sur sia tablo tre malnovan gazeton (originalon! – eble el la mezo de la 20-aj jaroj) kun artikolo de Nadeĵda Krupskaja (la edzino de Lenin) kaj citas al mi tion, kion mi ja iam legis en Lenin-biblioteko: pri ŝia negativa pritakso de Esperanto. Kaj li solene deklaras: "Jen vidu! La edzino kaj kunbatalantino de la Gvidanto estis kontraŭ Esperanto. Sed ni ja permesas al vi okupiĝi pri tio!"". Tiu lasta konversacio okazis en la jaro 1984. Interalie, proksima parenco de Miĥail Peslak skribis en sia libro de rememoroj, ke Miĥail Peslak estis generalo de KGB.



*OkSEJT-26, Armenio, 1984*

**AMASAJ KORESPONDAJ KURSOJ**

Ni povis instrui Esperanton precipe en la urboj, kie ekzistis kluboj aŭ aktivuloj. Sed kio pri la vastega lando? Por tio mi kreis amasan korespondan kurson, kiu funkciis de februaro 1970 ĝis majo 1993. Ĉar mankis lernolibroj por ruslingvanoj (ho ve!), dum tri unuaj jaroj mi instruis per SAT-lernoilibro "Petro". Kaj poste mi verkis mian propran lernolibron. Sed pri tio mi rakontu aparte. Estis tre facile tiutempe publikigi artikolojn pri Esperanto en lokaj ĵurnaloj. Kaj da ili mi publikigis amason kun indiko de nia kluba poŝta adreso. Mi klopodis ekhavi korespondajn lernantojn en ĉiuj respublikoj kaj provincoj de Sovet-Unio, en ĉiuj "ursaj anguloj": ekstrema ĉe-Arkta Nordo, Ĉukotko, dezerto Kizil-Kum, Kamĉatko, insuloj de Fora Oriento kaj simile. Mi venadis hejmen post la laboro kaj ĝis la malfrua

---

[1] *Represita en REGo, № 6 (49), decembro 2008. Vidu ankaŭ la reeĥojn en REGo, № 1 (50), februaro 2009. – La red.*

nokto kontroladis lecionojn. Dum 23 jaroj mi forsendis atestilojn al 883 kursfinintoj. Vidante tiun sukceson, kelkaj aliaj personoj organizis siajn amasajn korespondajn kursojn: mia kuzo Danielo Kolker, Meri Abolskaja, Anatolo Gonĉarov kaj Irina Gonĉarova, Vladislav Zibenkes, Mikaelo Ĉertilov, Kooperativo "Kopso", Aleksandr Korĵenkov kaj Galina Goreckaja, Viktor Kudrjavcev. Ofte en la korespondaj kursoj oni instruis per mia lernolibro. Ankaŭ nun, dum pli ol 10 jaroj, en la Interreto funkcias amasa distanca kurso, kiun gvidas per mia lernolibro grupo de entuziasmaj volontuloj: <http://groups.yahoo.com/group/esperanto-kurso/>. Miloj da homoj, inter ili du membroj de la Akademio de Esperanto, konsideras min sia Esperanto-instruisto, ĉar ili lernis Esperanton aŭ perfektiĝis en Esperanto per miaj lernolibroj, presitaj aŭ enretigitaj.

## UNUA MIRAKLO – LERNOLIBRO POR RUSLINGVANOJ

Mi kredas je mirakloj. Mi kredas, ke ili estas efektivigeblaj, se oni tre deziras kaj klopodas ilin okazigi. La apero kaj vivo de mia lernolibro de la unua kaj dua niveloj estas la unua miraklo, kiun mi kreis. Komence de la jaro 1973 mi eklaboris pri mia lernolibro. Unue, mi trarigardis mian riĉan kolekton de Esperanto-lernolibroj el diversaj landoj. Due, mi kompilis specon de oftec-listo, kiun mi klopodis sekvi laŭ lecionoj. Trie, mi pripensis ĉefajn ideojn pri la lernolibro. Nu, kaj poste sekvis la plej facila afero: la verkado. La lecionoj komence aperis en la porjunulara ĵurnalo de Baŝkirio "*Leninec*". Poste mi sukcesis presigi la libron (sencenzure!) en Ufa multfoje, kaj multfoje ĝi estis (re)presita en diversaj urboj de Sovet-Unio: Krasnojarsk, Kujbiŝev (Samara), Uljanovsk, Jekaterinburg, Rostov-na-Donu, Vladivostok, Soĉi, Tallinn, Kaunas, Duŝanbe, Tiraspol. Venis novaj tempoj, kaj (kiu povus tion imagi!) en la jaro 1992 mia lernolibro aperis en la eldonejo de la Akademio de Sciencoj de USSR "Nauka". Gravan organizan helpon por tio mi ricevis de Magomet Isajev kaj Nikolaj Zubkov, redaktoran helpon – de Viktoro Aroloviĉ. La tempesta kaj eĉ nekredebla aventuro de tiu lernolibro estas rakontita sub la titolo "*Sovetia lernolibro trompis la cenzuron*": <http://www.liberafolio.org/2005/aperis/cenzurlibro/>.




Nun mia lernolibro troviĝas en multaj retejoj esperantistaj kaj neesper-

antistaj, de kie ĝi estas kopiebla kaj elŝutebla. Kaj fine, la Moskva eldonejo "Impeto" publikigis en la jaroj 2007, 2009 kaj 2012 luksajn eldonojn sub la titolo "Internacia lingvo Esperanto. Plena lernolibro": <http://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=7800>. La rolon de la eldonintoj Aleksandro kaj Jelena Ŝevĉenko estas malfacile supertaksi. Ĉefaj apartaĵoj de la lernolibro, kiuj faris ĝin longvivulo pli ol 40-jara: 1) speciala atento al la internacia leksiko, kio ebligas jam en la komenco de studado asimili grandan materialon; 2) ripetigado de plej oftaj vort-elementoj; 3) emfaza atento al vortfarado; 4) konstanta trejnado pri uzo de prepozicioj; 5) saturiteco per proverboj kaj aforismoj; 6) evoluigo de memstara pensado kaj kapablo trovi eliron el neordinaraj situacioj; 7) enkonduko al la Esperanta kulturo (en vasta senco); 8) du niveloj: elementa kaj perfektiga. Malgranda sekreto: la libro estas tre personeca; tial mi nomas ĝin por mi mem "lirika poemo en formo de lernolibro". Jen kion pensas atentaj legantoj pri tiu "ĉiamverda lernolibro": <http://katalogo.uea.org/index.php?inf=7800#ek>.

**DUA MIRAKLO – ESPERANTO EN 16 TAGOJ**

Jen sekva miraklo, kiun mi kreis. En Sovet-Unio ekzistis scienc-populara gazeto "*Ĥimija i ĵiznj*" (Kemio kaj vivo), ege ŝatata en intelektulaj rondoj. Ĝia enhavo estis tre varia, inkluzive pensigajn scienc-fikciajn novelojn kaj konsilojn pri studado de la angla kaj japana lingvoj. Mi verkis koncizan ekspres-kurson kun tekstoj pri scienc-popularaj temoj kaj elspezis kelkajn jarojn por publikigi ĝin en tiu gazeto. Ĝi aperis en eldonkvanto 265 000 ekzempleroj kaj estis vidita de almenaŭ miliono da kleraj legantoj. Danke al tiu kurso aperis multe da esperantistoj, inter kiuj konataj rusiaj esperantistoj Valentin Melnikov, Nikolao Gudskov, Mikaelo Povorin kaj ankaŭ... la nuna prezidanto de Esperanto-USA Orlando Raola (tiutempe kubano, studento pri kemio en Moskvo). Poste mi eldonis tiun ekspres-kurson kiel libreton sub la titolo "*Esperanto en 16 tagoj*". La nekredebla historio de tiu lernilo estas rakontita sub la titolo "*Kiel mi estis kemiisto*": <http://www.esperanto.mv.ru/Esp16/Postparolo.html>.



## TRIA MIRAKLO – VOJAĜO EN ESPERANTO-LANDO

Tio estas mia internacie plej konata lernolibro. Ĝia plena titolo estas "*Vojaĝo en Esperanto-lando. Perfektiga kurso de Esperanto kaj Gvidlibro pri la Esperanta kulturo*". La ideon de esperantlingva lernolibro por la tria nivelo, kiu instruu liberan kaj krean regadon de Esperanto kaj enkonduku la studanton en Esperanto-mondon, mi komencis pripensi en la jaro 1987 okaze de la centjariĝo de Esperanto. Ĉar tiutempe mi posedis unu el la plej riĉaj en la mondo privataj Esperanto-bibliotekoj, mi disponis pri abunda materialo por elekti. Mi havis grandan bonŝancon, ke la libron redaktis la erudiciulo Viktoro Aroloviĉ. Alia granda bonŝanco estis, ke Aleksandro kaj Jelena Ŝevĉenko sukcesis aranĝi, ke la grava ŝtata eldonejo "*Progreso*" en Moskvo akceptis la libron por eldono, kaj ili prespretigis ĝin. La kontraktita honorario estis sufiĉe impona. Per la ricevita antaŭpage duono de ĝi Esther kaj mi partoprenis en la 75-a Universala Kongreso en Havano. Sed pro la subita disfalo de Sovet-Unio en la lando okazis terura inflacio, kaj la eldonejo ne havis monon por publikigi la libron. Tamen monhelpe de Aleksandro Melnikov ĝi aperis fine de la jaro 1992. Ĉar la nominala sumo de la honorario ne ŝanĝiĝis, la ricevita alia duono apenaŭ sufiĉis por aĉeti du botelojn da ŝaŭmvino. Sed ne gravas la mono – la revo efektiviĝis! Jam loĝante en Usono, mi draste prilaboris la libron, unuavice internaciiginte ĝin, kaj en la jaro 1998 kontraktis, ke UEA reeldonu ĝin. Sed eksplodis profunda krizo en la Centra Oficejo de UEA, kiu, krom ĉio, prokrastis eldonon de *"Vojaĝo"*. La prezidantoj de UEA Kep Enderby kaj Renato Corsetti faris ĉion eblan, por ke ĝi aperu. En malfacilegaj personaj kondiĉoj Osmo Buller (ilustra redaktoro), Francisco Veuthey (brila grafikisto) kaj Roy McCoy (tekstoprilaboristo), kiuj rilatis al mia libro kiel al sia propra ido, prespretigis la libron, kaj Trevor Steele eldonis ĝin en julio de la jaro 2002. La prezento okazis dum la 87-a Universala Kongreso en Fortaleza (Brazilo). La oficistoj de la Centra Oficejo alportis kelkdekon da ekzempleroj en siaj valizoj. *"Vojaĝo"* fulmrapide disvendiĝis. Kaj en la jaro 2005 Osmo Buller, kiel reveninta Ĝenerala Direk-



toro de UEA, publikigis la 3-an eldonon. Do ankaŭ mia tria lernolibro estas siaspeca miraklo. Antaŭnelonge Osmo Buller skribis duonŝerce en Fejsbuko: "*Vojaĝo en Esperanto-lando* estas la plej populara Esperanto-libro de tiu ĉi jarmilo". Mi nomas tiun libron por mi mem "simfonio en formo de lernolibro". Detaloj pri *"Vojaĝo"* estas legeblaj en Vikipedio: <http://eo.wikipedia.org/wiki/Vojaĝo_en_Esperanto-lando>. Mi aldonu, ke per *"Vojaĝo"* mi instruas en la reta Internacia Perfektiga Koresponda Kurso (IPKK), kiu kreskigas novajn elstarajn figurojn en Esperantujo. Iomete pri IPKK oni povas legi en Vikipedio: <http://eo.wikipedia.org/wiki/IPKK>.

**ESPERANTO-LANDO SENLIMA**

Fakte, la plej granda miraklo okazis en la jaro 1963. Unuafoje en la historio grupo de sovetiaj esperantistoj (kun permeso de "pleja supro") estis preparata por partopreno en la 48-a Universala Kongreso en Sofio (Bulgario). Mi havis tre malmulte da ŝancoj trafi tiun grupon, ĉar mi havis almenaŭ kvar "pekojn": mi ne estis membro de la Komunista partio; mi estis juna (nur 24-jaraĝa); mi estis provincano (sed ne moskvano aŭ leningradano); kaj ĉefe – mi estas judo (kio tre gravis en la ŝtato kun kaŝita ŝtata antisemitismo). UEA akceptis, ke mi faru en la Internacia Somera Universitato prelegon pri maŝina tradukado el la rusa lingvo en Esperanton, pri kiu mi faris esploron kaj tiele enkondukis maŝinan tradukadon en Esperantujon. Tiu fakto kaj subteno de profesoro Bokarjov kaŭzis mian engrupigon. Antaŭ la forveturo el Moskvo al Bulgario evidentiĝis du fiaskigaj aferoj: 1) en Kiŝinev mi ricevis lastmomente nur permeson vojaĝi eksterlanden, sed ne la eksterlandan pasporton (mi eĉ ne sciis, ke tiaĵo ekzistas!); post du tagoj oni transdonis al mi la eksterlandan pasporton pere de estro de aviadilo fluganta el Kiŝinev al Moskvo; 2) mi ne rajtas prelegi, ĉar... mia prelego ne estis aprobita de la cenzuro (necesis prezenti al la cenzuro ruslingvan tradukon de la prelego kelkajn semajnojn pli frue). Feliĉe, profesoro Bokarjov (kiu havis altan aŭtoritaton) surprenis



respondecon pri ĉiu mia publika parolo, kaj mi ricevis permeson "de supre" por prelegi. Nur kiam nia trajno transiris la limon de Rumanio, mi ekkredis, ke vere tiu miraklo okazos. SSOD enmetis mian nomon ankaŭ por la sekvajara Universala Kongreso en Nederlando. Sed la partia organizaĵo de la Respublika biblioteko de Moldavio ne donis al mi rekomendon pro tio, ke mi ne venis al la Unuamaja manifestacio (ĉar ni veturis al Tiraspol por celebri la 5-jariĝon de nia geedziĝo). SSOD ne plu planis min por grupoj al Universalaj Kongresoj. Sekvafoje mi bonŝancis trafi Universalan Kongreson nur post 15 jaroj, en 1978, denove en Bulgario. Tiam jam ekzistis decido de Centra Komitato de KPSU pri kreo de ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj). Kompreneble, miajn vojaĝojn mi pripagis mem kaj estis tute feliĉa, ke mi povas partopreni la kongresojn. Mi estis en la okcidenteŭropaj UK-oj en 1979 (Lucerno) kaj 1982 (Antverpeno) – nu, mi estis tiam prezidiano de ASE. Post la UK en Budapeŝto (1983) mi perdis la eblon veturi eksterlanden pro mia fifama recenzo en la revuo "Esperanto" pri israela libro. Miaj sekvaj UK-oj estis en 1990 (Havano) kaj 1992 (Vieno); ASE tiam ne plu ekzistis, regis la perestrojko kaj ioma libero.



*kun Ulrich Lins, 1979*

Malsame al multaj sovetiaj esperantistoj, mi frue ekhavis vastajn kontaktojn kun eksterlandaj esperantistoj kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj. En la jaro 1972 mi fariĝis la unua sovetia komitatano de TEJO. En la jaro 2000 mi



*traktado de gvidantoj de ASE kaj UEA, 64-a UK, Lucerno, Svislando, 1979*

fariĝis internacia rajtigita ekzamenanto kaj akceptis diversnivelajn ekzamenojn dum Universalaj Kongresoj. Dum du jaroj mi estis membro kaj vicprezidanto de la Internacia Ekzamena Komisiono de ILEI/UEA kaj partoprenis en preparado de ekzamenaj taskoj. Mi estas membro de UEA ekde la jaro 1959. Mi estis la unua sovetia komitatano de UEA kaj servis en tiu ofico en la jaroj 1975-77 kaj 1989-92. En la jaro 1976 mi fariĝis la unua sovetia Ĉefdelegito de UEA kaj plenumis tiun funkcion dum 9 jaroj. Mi devis forlasi tiun postenon pro la premo el la Centra Komitato de KPSU tra SSOD en la jaro 1985. Tiu ĉi tragika-komika historio estas legebla en la rakonto "*NIA Vilnjuso kaj ILIA Jerusalemo*": <http://katalogo.uea.org/index.php?id=912&inf=1433&recenzo=montru>.

Kaj laste: en la jaro 2005 la Komitato de UEA elektis min Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio. Pli frue mi estis elektita Honora Membro de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistoj-Instruistoj).

Listo de miaj publikaĵoj estas legebla en Vikipedio: <http://eo.wikipedia.org/wiki/Boris_Kolker>.

**PLANOJ POR ESTONTECO**



Estas malfacile plani malproksimen, atinginte la respektindan aĝon 75 jaroj, kio al mi okazis la 15-an de julio 2014. Tamen du konkretaj planoj ekzistas. Unue, finprepari por la eldonejo "Impeto" koncizan fulmokurson de Esperanto surbaze de mia Plena lernolibro. Due, prepari por UEA reviziitan kaj renovigitan 4-an eldonon de *"Vojaĝo en Esperanto-lando"*, por kio mi kolektas eventualajn modifojn dum preskaŭ jardeko. Iam mi revis verki neordinaran libron pri Ludoviko Zamenhof, sed la revo ne efektiviĝis. Mi kreis en Facebook paĝaron de "*Vojaĝo en Esperanto-land*o" kaj regule renovigas ĝin. Mi regule informas per retleteroj miajn lernintojn pri Esperanto-novaĵoj. Mi estas dumviva membro de UEA, ILEI, REU, Esperanto-USA kaj ELI kaj laŭeble partoprenas ilian agadon. Kompreneble, ankaŭ la laboro en la Akademio de Esperanto kaj por la gazeto *"Monato"* neniam ĉesas. La vivo daŭras...

## KAJ FINE IO GAJA




Mi volas fini per io gaja kaj mi citu el mia intervjuo al la revuo "Esperanto" (2008, n-ro 6) pri amuzaĵo dum la 63-a Universala Kongreso en Varna en 1978: "En Varna okazis oficiala traktado inter SSOD, kiun reprezentis fakestro Rafael Saakov, kaj UEA, kiun reprezentis Humphrey Tonkin, William Auld kaj Simo Milojević, pri aliĝo de ASE al UEA. En la antaŭvespero mi konsilis al Tonkin kiel paroli, por ke SSOD ekhavu favoran impreson pri UEA. Dum la traktado ĉeestis pluraj sovetianoj; mi servis kiel interpretisto. Saakov parolis per kliŝaj propagandaj frazoj, tial mi tradukadis samtempe kun lia parolado, divenante la sekvontajn vortojn. Kelkfoje mi finis traduki, antaŭ ol li finis paroli. William Auld tiom miris pri mia tradukista "lerteco", ke poste li sendis al mi donace du siajn librojn kun subskribo "Al Boris Kolker kun admiro". Similaj traktadoj okazis preskaŭ en ĉiu Universala Kongreso dum la dekjara ekzisto de ASE, sed ne rezultis aliĝo." Kaj fine alia citaĵo el la sama intervjuo: "Anatolij Berjoza, la altrudita respondeca sekretario de ASE, revis, ke ASE aliĝu al UEA. Li esperis tiuokaze fariĝi komitatano de UEA kaj havi eĉ pli da ebloj vojaĝi eksterlanden senpage. Sed ĝenerale li kaj SSOD samkiel iliaj mastroj en CK KPSU rilatis al UEA negative, ne dezirante, ke la homoj havu kontaktojn kun eksterlando. Foje Berjoza diris al mi, ke la delegita reto de UEA estas spiona servo: "Imagu, se iu demandas vin, kion produktas sekreta milita uzino en via urbo, vi, kiel delegito de UEA, devas respondi al li kaj tiel malkaŝi ŝtatan sekreton." Alian fojon li diris al mi, ke "*Heroldo*" estas kontraŭsovetia gazeto, ĉar tie aperis pagitaj anoncetoj de samseksemuloj kaj nudistoj ("Ili deziras, ke ni marŝu en stratoj nudaj"). Tia estis la sinteno. Nun oni malfacile povas imagi, en kia Orwell-eska mondo ni vivis."



Mia longa kaj interesa vivo en Esperanto-lando daŭras…



# *Nikolao Gudskov*

## Kial kaj kiel verki sciencpopularajn librojn en Esperanto?

*La artikolo estas dediĉata al la hela memoro de Aleksandro Ŝevĉenko*

Scienc-populara literaturo ĝenerale estas nun eble la plej grava ĝenro: ja ĝi unuavice formas en la rondoj de homoj, strebantaj pensi, la modernan mondkoncepton. Ĝi estas en tiu kampo peranto inter fakuloj kaj ordinaraj intelekte viglaj homoj, helpante al la lastaj konstrui en sia menso la bildon de la mondo. Tiusence la scienc-popularaj libroj kaj periodaĵoj plenumas tiun rolon, kiun en antaŭaj epokoj plenumis filozofiaj traktatoj: ja en la nuna epoko la filozofion (metafizikon) en la tasko de konstruado de la mondkoncepto anstataŭis la scienco (pozitiva filozofio).

Tiu ĝenro ekzistas ankaŭ en Esperanto, kaj en ĝi aperis kelkaj brilaj verkoj, kiuj eĉ, tradukite al naciaj lingvoj, fariĝis mondfamaj. Siatempe kelkajn gravajn tiajn librojn eldonis SAT.

Jen du famaj ekzemploj. Eŭgeno Aisberg, sovetiano formigrinta Francion, en 1934 publikigis la libron "Fine! Nun mi komprenas la radion!". Tiu libro estis poste reverkita en la franca kaj tradukita en multajn aliajn lingvojn; ekzemple, pluraj rusaj inĝenieroj de pli aĝa generacio unuafoje en sia vivo konatiĝis kun radiotekniko per "Радио? Это очень просто!". Paul Neergard, dano, botanikisto, estas la plej bona populariginto de la sciencoj. Originale en Esperanto li verkis tri librojn: "Scienco kaj pseŭdoscienco pri heredo kaj raso" (1937) – libro, tiutempe tre aktuala ne nur science, sed ankaŭ politike, ĉar ĝi senmaskigis la naziajn elpensaĵojn; "Atakoj kontraŭ ĝardenplantoj" (1954) – populara skizo de fitopatologio, kaj la ĉefverko "La vivo de la plantoj" (1957) kun diversaj botanikaj skizoj. La lasta libro estis tradukita al pluraj naciaj lingvoj.

Mi menciu ankaŭ kelkajn aliajn specimenojn. Endre Dudich, hungaro, estas aŭtoro de populara libro pri geologio "Ĉu vi konas la teron?" (1983). La libro – pro scienca nivelo kaj enhavriĉeco, kaj samtempe sufiĉe leĝera stilo – povas esti konsiderata kiel modelo de la ĝenro. Ankaŭ Daniela Deneva Power verkis geologian scienc-popularan libron: "Tertremoj" (1991). Ĝenerale, geologia literaturo en Esperanto estas relative abunda: inter 1974 kaj 1990 aperis ok volumoj de "Geologio Internacia" kun kontribuoj de pluraj geologoj el diversaj landoj. Parencas al geologio la

grundoscienco, kaj ankaŭ pri ĝi aperis bona libro “El la polvo de la tero” far William F. Rohl (1967). Pri la ankaŭ proksima al geologio sfero – speleologio – rakontas “La bela subtera mondo” (1959) de Leander Tell.

Ankaŭ medicino fariĝis fako, pri kiu oni finfine komencis verki originalajn popularajn librojn. El ili indas noti la librojn de germano Harald Schicke “La korpo de la homo” (1993) – tre bone ilustrita, de japano Masayuki Saonji pri orienta diina masaĝo (Yumeiho-terapio), tradukita al diversaj naciaj lingvoj, de ĉino Zhu Bin “Facile legebla akupunkturologio” (1992) k.a. Pri arkeologio verkis originalan libreton “Interesa arkeologio” (1973) jugoslavo Marinko Ĝivoje. Pri astronomio aperis bela libro de David Galadí-Enríquez kaj Amri Wandel “Kosmo kaj ni” (2001). Inter ĝeneraltemaj scienc-popularaj verkoj por infanoj kaj adoleskuloj indas mencii la librojn de hispandevena belgo Alberto Fernandez “Senĝenaj dialogoj” (1971) kaj de sloveno Zlatko Tišljar “Duobla spiralo” (1991). Pri la lingvo ĝenerale, kaj pri la arto publike paroli speciale, temas la libro de Ivo Lapenna “Retoriko”, kelkfoje eldonita (1950, 1958, 1971).



Dum lastaj jardekoj seninterrompe verkas ĉiam novajn librojn pri ĉiam novaj temoj el arkeologio, filologio, matematiko, ankaŭ, certe, esperantologio franco Andre Cherpillod (nur por ekzemplo: “La mortotuko de Torino”, “Historio de la ciferoj”, “Zamenhof kaj judismo”, “Pressis-Bourre kaj alĥemio”...). Ofte liaj verkoj estas veraj “scienc-esploraj detektivaĵoj”, sed foje sen la fina ĉion klariganta momento.




Tamen, se konsideri ĝeneralan kvanton de la esperantlingvaj popularaj libroj, ĝi ne kompareblas kun tiu en kiu ajn evoluinta nacia lingvo, kaj ili apenaŭ povas saturigi bezonon de ŝatanto de la ĝenro. Do, ĉu ĝenerale indas ilin verki kaj eldoni?




Por respondi la demandon, necesas analizi: 1) la celgrupojn de la scienc-populara literaturo (infanoj, studentoj, eksterfakaj plenkreskuloj, fakuloj de apudaj sciencaj branĉoj); 2) diversajn stilojn de la ĝenro; 3) temojn laŭ eventuala aktualeco kaj aŭtora kompetenteco; 4) malfacilaĵojn de popularigo de certaj sciencaj branĉoj; 5) obstaklojn de la lingvo Esperanto mem pro nesufiĉe evoluintaj terminaroj.









1. *Celgrupoj.* Sciencon oni popularigas por: a) malgrandaj infanoj – de la elementlerneja aĝo; b) mezlernejanoj; c) adoleskuloj kaj studentoj; ĉ) scivolemaj plenkreskuloj-nefakuloj; d) sciencistoj de aliaj fakoj. Kompreneble, ĉiuj tiuj grupoj postulas diversajn alirojn laŭ la komplikeco de la tekstoj kaj nivelo de la fakaj scioj, terminoj kaj uzataj formuloj. Tio ankaŭ rilatas al karaktero de ilustraĵoj. Por esperantlingvaj libroj de la ĝenro la ĉefaj realaj celgrupoj povas esti nur c), ĉiuj ceteraj estas preskaŭ neglekteblaj.

2. *Stiloj.* Stilo de la verko iom dependas de la celgrupo, sed ne nepre. Ĝenerale ekzistas la jenaj stiloj: a) beletra fikcia (formo de novelo aŭ romano, kie la sciencaj aferoj estas prezentataj kiel akcesoraĵoj de la enhavo – tio egale povas esti industria romano aŭ la scienc-fantazia); b) beletra nefikcia (ekzemple, biografio de fama sciencisto, priskribo de realaj cirkonstancoj, en kiuj okazis granda scienca malkovro aŭ teknika evento; apliko de iuj scienc-teknikaj ideoj en reala industrio, agrikulturo ktp. en formo de ĵurnalista raporto); c) leĝera rakonto per komprenebla lingvo, sen granda profundiĝo en sciencajn specifaĵojn kaj sen uzado de komplikaj terminoj kaj formuloj; ĉ) scienceca stilo, kiam la verko laŭforme ne tro diferencas de faka verko, sed plifaciligita ĝis la grado, en kiu ĝin principe povas kompreni nefakulo (reale, speco de la lasta stilo estas lernolibroj por lernejanoj kaj studentoj); d) stilo de "kuirreceptoj" en diversaj manlibroj por amatoraj ĝardenistoj, konstruistoj ktp. – tiu stilo plejofte estas seka, sed ĝi nepre devas esti facile komprenebla. Krome, se temas precipe pri c), ekzistas du aliroj: aŭ simpligi la problemon kaj prezenti ĝin ĝenerale sur nivelo de pasintaj epokoj de ĝia esploro, aŭ peni klarigi per simplaj vortoj la plej modernajn atingojn de la scienco kaj dume nesolvitajn demandojn. La aŭtora stilo kaj kapablo facile klarigi tre komplikajn problemojn ĝenerale tre gravas, kaj veraj talentuloj en la kampo ne tro multas.

3. Popularigas la sciencojn: a) grandaj sciencistoj mem; b) literaturemaj sciencistoj, kiuj bone kompetentas pri la scienco, sed mem ne faris grandajn malkovrojn (al tiu grupo apartenas popularigantaj la sciencojn sciencaj historiistoj); c) sciencaj ĵurnalistoj kaj verkistoj, mem laikaj pri la popularigataj fakoj, sed kapablaj kompreni kaj transdoni la esencon de la sciencaj no-

vaĵoj. Laŭ mia opinio, plej ofte bonajn rezultojn atingas reprezentantoj de la grupo b) – la plej brila ekzemplo estas Isaac Asimov. Samtempe ekzistas sciencistoj kun literatura kaj pedagogia talento, kies fakaj monografioj estas sufiĉe popularaj, por ke ilin bone komprenu kiu ajn klera homo (ne forgesinta ĉion akiritan en lernejo) – la plej fama historia ekzemplo estas Karolo Darvino.

4. Diversaj sciencaj branĉoj estas diversgrade malfacilaj por popularigo. Ekzemple, matematiko, ĝenerala lingvistiko, kvantuma mekaniko aŭ genetiko sen minimuma kvanto da specifaj malfacile kompreneblaj terminoj kaj formuloj ne klarigeblas. Popularigi ĥemion tute sen uzo de ĥemiaj formuloj kaj ekvacioj eblas, sed ne tro valoras. Aliflanke, rakonti populare, sed sur moderna scienca nivelo, pri arĥeologio, geologio aŭ zoologio estas multe pli facile.

5. La ĉefa problemo por popularigo de la sciencoj estas foresto de specifaj sciencaj terminoj en la komune uzata lingvaĵo. Iom paradokse, sed komplikajn sciencajn terminojn pli facilas uzi, ĉar ofte ili estas tre internaciaj, kaj dum ilia esperantigo malofte aperas miskomprenoj (eĉ se diversaj aŭtoroj faras tion iomete malsame). Pli komplikas uzo de tiuj vortoj, kiuj ne nur estas uzataj en la faka lingvaĵo, sed ankaŭ jam eniris la komunan lingvon. Pri certaj fakoj ekzistas fakaj terminaroj, sed ili estas malfacile atingeblaj kaj ne ĉiuj sufiĉe kontentigas la bezonojn. Ankaŭ devas helpi jam ekzistantaj verkoj pri koncerna temo, sed ĉi tie la problemoj estas samaj, kiel pri la terminaroj.






Kaj nun iom pri la centra demando: ĉu ĝenerale indas verki scienc-popularajn librojn kaj artikolojn en Esperanto? Treege malgranda kvanto de potencialaj legontoj de la libro faras por la aŭtoro verkadon de la libro pri iu speciala temo tre dubinda. Eldonkvantoj estas nur kelkcent ekzempleroj. Pri iu materiala rekompenco, honorario por la laboro temi ne povas. Eĉ pli. Mi kalkulis: da realaj legantoj tiaspeca libro en la tuta Esperantujo neniam superas centon, sed ofte da ili estas multe malpli. Scienc-popularaj verkoj en libroj kaj revuoj estas atingeblaj por dezirantoj en iliaj naciaj lingvoj, kaj en Esperanto oni tre malofte povas trovi ion neatingeblan tie… Do, kun kiu celo la aŭtoro verku? Ĉu estas, ĝenerale, iu senco?

Ekzistas certaj avantaĝoj de legado de popularaj verkoj en la internacia lingvo, unuavice rigardo al la koncerna scienca problemo de ekster naciaj kulturaj kaj










lingvaj kutimoj, pli profunda kompreno de certaj terminoj ks. Tial tiu malgrandega kvanto da eventualaj legantoj, jes ja, ricevas iun utilon. Ankaŭ evoluigo de Esperanto per tia verkado estas vere grava tasko. Kaj, krome, ĉiam ekzistas la espero, ke la aŭtoro komparebios laŭ la talento kun Aisberg kaj Neergard, kaj lia libro estos elesperantigota al naciaj lingvoj! Tio ja estas certa stimulo por verki…

Nun iom pri mia propra sperto en tiu tereno. Se temas pri la puraj specimenoj de la ĝenro, mi partoprenis en kreo de la serio "Familia biblioteko" de la moskva eldonejo "Impeto", iniciatitan kaj lanĉitan de ties posedanto Aleksandro Ŝevĉenko. Ĝis nun aperis 4 libroj en la serio, de du el ili mi estas la aŭtoro, la du ceterajn mi redaktis.

La libroj diferencas inter si. La unua, de kiu komenciĝis la serio, "Akvariaj fiŝoj" (A. Ŝevĉenko), estis konceptita kiel manlibro por amatoraj ŝatantoj de akvarioj. La donitaj sciencaj informoj estas minimume necesaj por komprenigi la esencon de la funkciado de la akvarioj. La dua libro – la mia, pri hejmaj mamuloj – havas precipe la saman karakteron, sed entenas iom pli da sciencaj zoologiaj donitaĵoj kaj tial estas parte manlibro, parte populara verko pri zoologio. Dume, ĝi estas la plej ampleksa en la serio. En la serio nun estas planata ankoraŭ unu simila manlibro (pri terario kaj ties loĝantoj – amfibioj kaj reptilioj), kaj ĝi laŭ la karaktero pli similos la duan libron ol la unuan. La tria libro – "La mondo en guto da akvo", verkita de Tatjana Auderskaja, estas jam pure scienc-populara libro pri hidrobiologio. Ĝi laŭ la karaktero similas tiaspecajn librojn por mezlernejanoj. Stile ĝi, laŭ mia gusto, estas iom arĥaika, ĉar evitas komuniki la plej novajn konceptojn de la biologia scienco. (Parenteze: mi, redaktinte ĝin, en kelkaj lokoj ŝanĝis kelkajn tro malnoviĝintajn nomojn de taksonoj ks, sed ne sukcesis korekti ĉion, kion volus, ĉar tiam necesus la libron plene reverki.) La kvara libro, mia "Origino de la vivo sur la Tero", estas interdisciplina scienc-populara libro, en kiu estas uzataj donitaĵoj el astronomio, termodinamiko, fizika, organika kaj biologia kemio, geologio, biologio. Mi celis doni kaj la scienc-historiajn sciojn (pri apero de koncernaj konceptoj) kaj la imagojn pri la plej freŝaj sciencaj atingoj en la esplorkampo. Samtempe mi strebis al "enciklopedia" koncizeco. Ĉu ĉiujn komplikajn de-

mandojn mi sukcesis klarigi, kompreneble, juĝu la legantoj (tamen kompreno de kelkaj ĉapitroj ja postulas ioman memoron de la scioj, ricevitaj en mezlernejo!). Mi opinias, ke la celgrupo de tiu libro povas, tamen, esti ne nur studentoj kaj plenkreskuloj, sed ankaŭ mezlernejanoj de la finaj klasoj.

Se temas pri mia cetera sperto pri popularigo de la sciencoj en Esperanto, mi menciu du aliajn librojn. La unua estas "Epitomo de esperantologio" (2002). Laŭ la ĝenro ĝi ne estas proprasence "scienc-populara", ja ĝi estas helpilo por prepariĝo al supera ekzameno, sed mi jam diris, ke ne vidas principan diferencon inter certaj popularaj libroj kaj lerniloj. Ĉefe, lernolibroj estas kutime pli sekaj kaj verkataj en malpli vigla stilo (tia ja estas mia "Epitomo"). Samtempe ĝi estas iu enciklopedieska manlibro. Ĝia specifeco estas, tamen, ke ĝi interesas precipe interesiĝantojn pri la Esperanta kulturo, kaj ekster rondoj de ĝisostaj esperantistoj ne povas disvastiĝi. Mi nur povas fieri, ke ĝi disvendiĝis treege rapide...




Krome, mi menciu mian novan libron "Kiel la homo ekis pensi" (2012), en kiu temas pri historio de la antikva greka filozofio. Kiam la libro ankoraŭ estis eldonota, apartaj ĉapitroj el ĝi aperadis en revuoj "La Gazeto", "Literatura foiro", "Sennacieca revuo", "Scienco kaj kulturo" kaj reta revuo "Teleskopo" kiel apartaj artikoloj (entute 8 ĉapitroj el 21). La celgrupo estas homoj, kiuj jam iom scias pri la greka filozofio. Ĝin mi provis fari laŭeble populara, ne komplikante la tekston per skrupulaj referencoj al konkretaj paĝoj de konkretaj eldonoj (tio interesas nur fakulojn), sed prezentante miajn originalajn opiniojn pri pluraj aferoj kaj rakontante pri netradiciaj opinioj de kelkaj historiistoj de la filozofio kaj sciencoj, ne vaste konataj por la publiko, – do iun sciencan valoron la libro, mi esperas, ankaŭ havas. De la alia flanko, ĝi estas mia tre persona verko, en kiu mi transdonas rezultojn de miaj propraj travivaĵoj de la tre ŝatata de mi ekde la infanaĝo helena kulturo kaj mian personan percepton de la filozofio kiel tia. Tio proksimigas ĝin al beletro... Min tre interesas percepto de la libro flanke de la legantoj.






# Eksciu, ke...

## APERO-8: PREPARIĜO AL SES EN RUSIO

APERO-8, la tradicia aranĝo de Moskva Esperanta Asocio MASI, pasinta la 14-16.03.14 en Apudmoskvo en la jam kutima ripozejo "Jerŝovo", ĉi-foje havis specialan taskon: elekti programerojn por la Literatura Tago de la unua Somera Esperanta Studado en Rusio (SES-Rusio, 16-25.08.14), kiun la Asocio organizas kunlabore kun E@I. Do, la programo konsistis ĉefe el eroj, rilataj al la rusia literaturo.

En la programo estis profundaj kaj majstre prezentitaj prelegoj: "Revuo de rusia literaturo, tradukita al Esperanto" kaj "Revuo de originala rusia E-literaturo" (Nikolao Gudskov), "Mondoj de la fratoj Strugackij" (Mikaelo Bronŝtejn), "Rusaj popolaj fabeloj de scienca vidpunkto" (Anna Striganova). La tradicia poezia vespero estis dediĉita al Aleksandr Blok – ni deklamis el la granda poeto la tradukojn, kiuj konsistigos lian poemaron, speciaele eldonotan por SES okaze de la planata ekskurso al la familia bieno de la granda poeto. Okazis ankaŭ bellegado de la versa fabelo "Ĉevaleto-Ĝibuleto" de Pjotr Jerŝov en la traduko de Ludmila Novikova. Furoris la riĉa libroservo de la eldonejo "Impeto", kiu, kompreneble, estos prezentita ankaŭ dum SES. Tre vigle pasis la kleriga kvizo, organizita de la ĉefeldonistoj Dima kaj Jelena Ŝevĉenko, sed la plej gaja kaj kreiva programero estis la teama teatrumado pri la temo "Ni kaj la libroj de 'Impeto'", speciale organizita por fari amuzajn laŭtemajn fotojn por reklami la eldonejon. Brile pasis la koncerto de Mikaelo Bronŝtejn kaj Sergeo Straŝnenko, ankaŭ la koncerto de Mikaelo Povorin. Ili kantas siajn originalajn kantojn, kiuj sendube apartenas ankaŭ al la rusa Esperanta kantpoezio. Kaj eĉ dum la komuna kantado ĉi-foje ni kantis nur tradukitajn ru-



sajn kantojn – se ne konsideri la eksterprograman E-kantadon, kiu abundegis ankaŭ ĉi-APERe. Necesas konfesi, ke dum la du tro mallongaj tagoj ni sukcesis realigi tute ne ĉion preparitan por la temo “Prezentado de la rusia literaturo dum SES”. Do, restas la sola demando: kiel enŝovi ĉiujn indajn programetojn en unusolan SES-an literaturan duontagon?!

Por kompletigi la bildon pri APERO-8 necesas mencii, ke ne mankis ankaŭ movadaj programeroj: Klera okazigis la TEJO-trejnadon “Konsciu pri Esperanto”, kiu firme kaptis la atenton de ĉiuj tri partoprenintaj teamoj, Mirina detale rakontis, kio estas SES. Tage ni havis belajn promenadojn al la proksima Troickoje – la familia bieno de la grafoj Olsufjev, nokte ni senĉese kantadis kaj ludis gajajn vortludojn.

La rakonto pri APEROj neniam estas plena sen admiraj laŭdoj al la manĝaĵoj en la ripozeja restoracio – fantastece bongustaj, abundegaj kaj variaj – libere elekteblaj sen limigoj. Se daŭrigi pri la vivkondiĉoj: ni loĝis en aparta dometo, sen ajnaj ĝenoj de fremduloj, kio multe helpas vere neniam krokodili. Fine necesas diri, ke la aranĝon partoprenis 29 geesperantistoj, el kiuj nur 3 loĝas ekster la Moskva regiono.

Ne preterlasu la sekvan APERO-n februare 2015! Sed antaŭe venu al SES-Rusio en la apudmoskvan Mendelejevo! Bonvolu serĉi la bezonatajn informojn ĉe la retadresoj: <http://ek-masi.weebly.com/>, <http://ses.ikso.net/2014/ru/>, <http://vk.com/apero_ek_masi>. Ni ne lasos vin enui!

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de MEA MASI***



## LA 99-a UK EN BONAERO: INAŬGURO KAJ REZOLUCIO

Per cito el la epopeo de José Hernández el 1872, *Martin Fiero*, la Prezidanto Mark Fettes komencis sian unuan festparoladon en inaŭguro de Universala Kongreso. La 99-a UK estis solene malfermita en duhora ceremonio dimanĉon, la 27-an de julio, en Teatro Metropolitano, centre de la argentina ĉefurbo Bonaero. Komence la Prezidanto de UEA bonvenigis la kongresanojn kaj prezentis la podianojn kaj honorajn gastojn, inter kiuj estis la ambasadoroj de Ukrainio kaj Korea Respubliko, kultura ataŝeo de Svislando kaj vicprezidanto de la Ĉina Internacia Gazetara Grupo. Speciala gasto estis Roselyne Dewilde, praparencino de L.L.Zamenhof, loĝanta en Argentino. Sian bonvenigan saluton la prezidanto de LKK Jorge Cabrara komencis per danko al sia loka teamo, al UEA pro la decido kongresi unuafoje en Argentino, kaj precipe al la kongresanoj pro la preteco de multaj el ili fari longan vojaĝon. Je tiu punkto la Prezidanto petis minuton da stara silento, memore al la mortintoj kaj suferintoj dum la antaŭa jaro, ĉu en militoj, malpacoj, ĉu rezulte de naturaj aŭ aliaj katastrofoj. Rafael Henrique Zerbetto enkondukis la kongresan temon: *Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco* kaj invitis la kongresanojn al la tri pritemaj kunsidoj.

### REZOLUCIO DE LA 99-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ni, 706 partoprenantoj en la 99-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj el 57 landoj de ĉiuj mondopartoj al Bonaero, Argentino,

**Diskutinte** en pluraj sesioj pri la temo *Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco*;

**Konstatinte,**

ke Esperanto reprezentas plene aktualan strebadon, kun evidentaj ligoj al aliaj esencaj agadoj kadre de la nuntempaj tutmondigaj tendencoj,

ke la celado al sanaj, daŭripovaj socioj, bazitaj sur paco, justeco, demokratio kaj ekonomio servanta al la homoj kun respekto al la vivosubtenaj sistemoj de la naturo, kongruas al la interkultura solidareco kiu ĉiam motivis la Esperanto-movadon,

kaj ke en la diversaj aliroj al daŭripovo ofte mankas sufiĉa atento al la ligo inter la lingvaj demandoj kaj aliaj esencaj agadoj, kio donas al ni la taskon daŭre kaj pli efike labori tiukampe;

**Alvokas**

ĉiujn subtenantojn de Esperanto fari ĉion eblan por plenumi nian apartan rolon kiel movado por justa, konscia multlingvismo, kaj viciĝi inter la diversaj sociaj movadoj por interkultura kaj kontraŭdiskriminacia edukado, homaj rajtoj, naturprotektado, popola klerigado, rimedoŝparaj vivstiloj kaj aliaj;

**Deklaras,**

ke la valoroj necesaj al la konstruado de daŭripova monda socio estas kernaj valoroj de nia movado, ĉar mondo, en kiu Esperanto daŭre havos sencon, estos mondo, kiu ekonomie kaj ekologie, politike kaj kulture, konservas diversecon, pacon kaj justecon.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## GERSI ALFREDO BAYS – NOVA HONORA MEMBRO DE UEA

En sia unua kunsido sabate la 26-an de julio, la Komitato de UEA elektis la eminentan brazilan esperantiston Gersi Alfredo Bays (1934) kiel Honoran Membron de UEA. S-ro Bays eklernis Esperanton en 1947 per germanlingva gramatiko trovita en la lerneja biblioteko. Li estas membro de UEA ekde 1952 kaj dumviva membro ekde 1978. En 1980 li fondis la eldonejon *Fonto*, kiu fariĝis unu el la plej gravaj eldonejoj en la historio de Esperanto. Ĝi aperigis plurajn dekojn da libroj en Esperanto, originalaj kaj tradukitaj, i.a. kvar verkojn en la Serio *Oriento-Okcidento* de UEA *(La Luzidoj* de Luís Vaz de Camões; *Cent jaroj da soleco* de Gabriel García Marquez; *Antologio latina 1 –2*, komp. G.Berveling; *Leteroj de Paŭlo kaj lia Skolo*). Bays ankaŭ verkis mem originalan romanon, *La profeto el Pedras* (2001), kiu ĉi-jare aperis en angla eldono ĉe *Mondial*. De 1980 ĝis 2006 Bays eldonis la beletran revuon *Fonto*, de kiu aperis 312 numeroj. Ekde 1990 *Fonto* publikigis la verkojn premiitajn en la Belartaj Konkursoj. Bays estis administranto-kompostanto de *Scienca Revuo* en 1978, administranto-eldonanto de la filozofia revuo *Simpozio* (20 numeroj 1983-1992), kaj kunlaboranto de *Monato* ekde 1980. Li estis akademiano de 2001 ĝis 2010. En 1996 lia eldonejo *Fonto* ricevis la FAME-kulturpremion de la germana urbo Aalen.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIO DEGUĈI AL STANO MARČEK



Premio Onisaburo Deguĉi, "la esperantista pacpremio", estis starigita per donaco de Oomoto en 1987 kaj estas aljuĝata ĉiujare. Ĝi konsistas el diplomo kaj monsumo 2000 eŭroj. Laŭ sia regularo la Premio Deguĉi estas asignata *pro meritoj en la utiligo de Esperanto kiel rimedo por monda paco kaj homara feliĉo, konforme al la idearo de d-ro Zamenhof kaj al instruoj de Onisaburo Deguĉi, kaj pro kontribuo al la celo de UEA kreskigi*

*inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvi ĉe ili komprenon kaj estimon por aliaj popoloj*. Per decido de la Estraro de UEA, la Premio Deguĉi de la jaro 2014 estis aljuĝita al s-ro Stano Marček el Slovakio pro lia longtempa agado kiel instruisto de Esperanto en multaj landoj kaj pro lia ĵurnalisma agado kiel redaktoro de multaj Esperanto-gazetoj. Dum la anonco pri la decido de la Estraro en la Solena Fermo de la 99-a Universala Kongreso en Bonaero, aparte elstarigita estis la eksterordinara sukceso de lia lernolibro *Esperanto per rekta metodo*, aperinta jam en 34 nacilingvaj eldonoj. La libro estas akompanata de modernaj metodikaj helpiloj kaj didaktika materialo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA PREMIIS DEK UNU ELSTARAJN AGANTOJN

En la Solena Fermo de la 99-a UK en Bonaero estis anoncitaj la nomoj de 11 ĉi-jaraj ricevantoj de Diplomo pro Elstara Agado kaj de Diplomo pro Elstara Arta Agado. Tiuj diplomoj estas aljuĝataj de la Estraro de UEA ekde 2007.

**Diplomo pro Elstara Agado:**

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo** (Brazilo) pro modela funkciado kiel memsubtena kaj vigla Esperanto-centro;

**Rubén Diaconu** (Argentino) pro kluba agado kaj redaktado de la bulteno de Argentina Esperanto-Ligo;

**Ellen Eddy** (Usono) pro longtempa prizorgado de Nord-Amerika Somera Kursaro (NASK);

**Gotoo Hitosi** (Japanio) pro la verko *Biografia leksikono de la japana Esperanto-movado*;

**Wim Jansen** (Nederlando) pro la 12-jara gvidado de la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdamo;

**Christer Kiselman** (Svedio) pro scienca kaj interlingvistika agado kaj eldonado;

**So Gilsu** (Korea Respubliko) pro prelegvojaĝoj en Azio kaj ĝenerala agado, i.a. kiel estrarano de UEA.

**Diplomo pro Elstara Arta Agado:**

**Sten Johansson** (Svedio) pro verkista kaj eldona agado;

**Dmitrij Ŝevĉenko** (Rusio) pro eldona agado;

**Bertilo Wennergren** (Germanio) pro kontribuo al la Esperanta rokmuziko;

**Eugène de Zilah** (Francio) pro verkista agado kaj eldonado de la revuo *La Gazeto*.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## TRIA TUTMONDA KONFERENCO PRI INSTRUADO DE ESPERANTO

Jam frue en la dudeka jarcento ariĝis instruistoj en la movado; en 1910 aperis instruista bulteno “Internacia Pedagogia Revuo”; la graveco de instruado de la lingvo estis bone komprenata. Grava tasko estis akiri de registaroj kaj edukministerioj rekonon por la tiam nova lingvo, kaj tiel akiri lokon en ŝtataj aŭ lokaj studplanoj.

La juna movado ludis fortan helpan rolon ene de la neŭtrala Svislando dum la Unua Mondmilito, kun agado de pluraj renomaj pioniroj. La kaŭzo de tio estis la proksimeco de la sidejo de la Ruĝa Kruco kaj de la Centra Oficejo de UEA. Postmilite, tiuj plue ludis esencan rolon en la rekonstruo kaj fortigo de la movado, des pli pro la klopodoj tie starigi kaj funkciigi la Ligon de Nacioj.

En 1922 realiĝis la aŭdaca plano anonci la Unuan Tutmondan Konferencon pri la Instruado de Esperanto. La Respubliko kaj Kantono de Ĝenevo invitis la registarojn de la mondo komisii esplorojn pri la kvanto kaj stato de instruado de la lingvo en siaj teritorioj. La konferenco okazis en Ĝenevo tiujare. Dua simila Konferenco okazis en Prago en 1927. Por pliaj informoj vidu “Esperanto en Perspektivo” de Ivo Lapenna, Ulrich Lins kaj Tazio Carlevaro.

ILEI opinias, ke alvenis oportuna momento okazigi la trian tian konferencon en 2015. La prezidantino de ILEI Mireille Grosjean raportas:

“Invito iris de eta ŝtato, konkrete de la Respubliko kaj Kantono de Neuchâtel, Svislando, al ĉiuj ŝtatoj de la mondo. En la kantono Neuchâtel troviĝas la ĉefurbo Neuchâtel kaj la urbo La Chaux-de-Fonds, kie troviĝas CDELI, grava arkivejo pri planlingvoj. En tiuj du urboj okazos la Kolokvo. (En la franca : “Conférence”; en Esperanto “Kolokvo”, ĉar Konferenco estas la nomo de ĉiujara aranĝo de ILEI.) La datoj estas de la 13-a ĝis la 16-a de majo 2015, do en la jubilea jaro “UNESKO-ESPERANTO Montevideo 60”. ILEI estas la organizanto. La Kolokvo okazos sub la aŭspicioj de Svisa Esperanto-Societo kaj Universala Esperanto-Asocio. Naskiĝis laborgrupo por pripensi la enhavon de tiu grava kunveno. Ĝi konsistas el Duncan Charters, Mark Fettes, Mireille Grosjean kaj Humphrey Tonkin.

Ni povas supozi, ke ne venos ŝtatestroj aŭ edukministroj. Sed eble partoprenos kulturaj ataŝeoj, kiuj la tutan jaron laboras en la svisa ĉefurbo Berno. La Kolokvo estos anoncita en la Universitato kaj la publiko, studentoj kaj aliaj, havos senpagan aliron al la prelegoj. La salono enhavas 440 sidlokojn.

Multaj esperantistoj kaptos la okazon veni al Svislando por ekscii pri la

nuntempa evoluo de la instruado de Esperanto kaj pri la estontaj ebloj”.

Dezirantoj kunlabori, partopreni – bv. starigi kontakton rekte kun ILEI: <prezidanto@gmail.com>, <www.ilei.info>, <www.ilei-mondo.info>.

***<komitato-de-uea>***

## 164 PARTOPRENANTOJ EN LA TRIA TUTMONDA EKZAMENTAGO

La 14-an de junio, per la parola ekzamensesio en la brazila urbo Kuritibo, finiĝis la Tria Tutmonda Ekzamentago, en kiu partoprenis 164 personoj en 17 urboj en 12 landoj. En kvin lokoj okazis ankaŭ parola parto. Pasintjare ĝi jam okazis en Arras, La Chaux-de-Fonds, Limoges kaj Tecamac, dum ĉi-jare Curitiba unuafoje provis la novteknologian manieron realigi ĝin. Por la ekzamenoj kunlaboris pli ol 50 personoj. En la reta ekzamenado partoprenis Katalin Kováts (Nederlando), Petra Smidéliusz (Argentino), Márta Kovács (Hungario) kaj Zsófia Kóródy (Germanio). La testojn oni skribis en du geografiaj blokoj. Eŭropanoj kaj azianoj formis unu blokon, la amerikaj ekzamenlokoj – la alian.

En junio kaj julio okazis la korektado kaj taksado. La atestilojn oni enmanigis dum UK en Bonaero rekte al la ĉeestantaj sukcesintoj aŭ al la reprezentantoj de la ekzamenlokoj. Ĝenerala nombro de ĝisnunaj sukcesintoj atingis 1446 kaj la ronda nombro 1500 povos esti atingita ĝis la fino de tiu ĉi jaro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MEMBROSTATISTIKO DE UEA JE LA 1-a DE JULIO

Junio estis pli bona monato ol majo por la membrostatistiko: je la 1-a de julio estis 21 membroj pli ol samtage pasintjare. Unu monaton pli frue temis ankoraŭ pri malkresko (-9). Espereble daŭripova turno...

La 1-an de julio estis 4667 membroj. Laŭ la kategorioj (interkrampe komparo kun la 1-a de julio 2013): Membro kun Gvidlibro 393 (+76), juna MG 30 (+6), Membro kun Jarlibro 1154 (-40), juna MJ 218 (+34), Membro-Abonanto 1817 (-92), juna MA 71 (+3), Dumviva Membro 777 (+2), juna DM 14 (+1), DM kun Jarlibro 126 (+28), juna DMJ 15 (+2), Honora Membro 46 (+1), Honora Patrono 6 (sama).

En majo la CO sendis paperan leteron memorige al la nepagintoj, kaj tio havis iom pli da efiko ol pasintjare. (CO sendas paperan leteron al nepagintoj en majo kaj en oktobro. Krome oni sendas retajn memorigojn, ekz. laste en aprilo al la nepagintaj delegitoj.)

La memorigilo de CO fakte efikis pli ol la statistiko montras. Tiuj, kiuj mem pagis la kotizon, nombris je 57 pli ol pasintjare, sed samtempe estis je

36 malpli da tiuj, por kiuj pagis Fondaĵo Canuto (694 anstataŭ 730 – entute Canuto membrigis pasintjare 744 e-istojn). Donacoj do ege bonvenas, por ke la fina nombro de kanutigoj ne malkresku ĉi-jare.

Fine, la kresko de mem pagantaj membroj estas rimarkinda, ĉar UK estas malpli granda ol pasintjare. La kongresa efiko ja ĉefe trafas la kategorion MJ(-T), sed nun la nombro de MJ(-T) estas praktike sama kiel antaŭ unu jaro.

***Osmo Buller (Nederlando)***

## KRONIKISTO PRI PONTO DE LIBERO

Tiu artikolo rakontas pri nia samurbano, esperantisto de la antaŭa jarcento Ivan Miĥajloviĉ Jakuŝin.

Li naskiĝis en Simbirsko la 16-an de julio 1879 en familio de ŝarĝisto kaj lavistino. La familio ne havis propran loĝejon, kaj la gepatroj igis sian filon peti almozon. Tamen la scivola knabo memstare laŭ afiŝoj lernis legi kaj skribi. En la aĝo naŭ jaroj li komencis labori – lumigis stratajn lanternojn kontraŭ 4 rubloj monate.

Ivan Miĥajloviĉ traveturis duonon de Rusio, provis multajn profesiojn. Januare de 1912 li eklaboris en konstruado de Volga ponto en Simbirsko, komencante kiel malaltranga kuriero. Klereco kaj naturdevena inĝenieco elstarigis lin. Oni donis al li diversajn taskojn – li plenumis ajnajn: estis ekonomo, provizisto, kuiristo, desegnisto, kasisto, ktp. Eĉ unufoje, milittempe, ĉar livero de speciala fotopapero malfruis, li sukcesis fari la paperon laŭ recepto el la revuo "Znanije i sila" ("Scio kaj forto").

Oni oficiale permesis al li kolekti materialojn pri konstruado de la ponto, ĉar li havis krean fibron – li verkis artikolojn, rakontojn, versaĵojn. Jakuŝin iĝis kronikisto pri la ponto de Libero. Okaze de malfermo de la Volga ponto li publikigis "Pontan kantaton".

Ni scias, ke lia nomo estis publikigita en la listo de Simbirska esperantista societo (1910). Julie de la nuna jaro Ivan Miĥajloviĉ Jakuŝin iĝus 135-jara.

***Jelena Tubalec (Uljanovsk)***



*I.M.Jakuŝin en 1946*

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2014

***Poezio:***

Unua premio: *Soneto de la lumturo* de **Jesus de Moínhos Pardavilo** el Galegio/Hispanio;

Dua premio: *Olivero aŭ pri sinmortiginto* de **Benoît Philippe** el Germanio;

Tria premio: *Fino de la lernojaro* de **Benoît Philippe** el Germanio.

Partoprenis 26 verkoj de 10 aŭtoroj el 9 landoj.

***Prozo:***

Unua premio: ne aljuĝita;

Dua premio: *Adiaŭo* de **Amir Naor** el Israelo;

Tria premio: *Tri virinoj, tri destinoj* de **Ewa Grochowska** el Francio;

Honora mencio: *Kristnaska nokto* de **Paulo Sérgio Viana** el Brazilo;

Honora mencio: *La akacia parfumo* de **Lenke Szász** el Rumanio.

Partoprenis 21 verkoj de 14 aŭtoroj el 10 landoj.

***Eseo:***

Unua premio: ne aljuĝita;

Dua premio: *Poezio en interreto – nova poezio?* de **Paulo Sérgio Viana** el Brazilo;

Dua premio: *Morto… kaj vivo en Amherst, Masaĉuseco* de **Steven Brewer** el Usono.

Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

***Teatraĵo:***

Honora mencio: *La oka pordo* de **Luiza Carol** el Israelo. Partoprenis 3 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

***Infanlibro de la Jaro 2013***

Eldonejo **Grafokom**, Kroatio por *Padma, la eta dancistino*.

Partoprenis 8 verkoj de 5 eldonejoj el 5 landoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## HISTORIO DE APLIKADO DE ESPERANTO EN RUSIO: GAZETARO, RADIOELSENDOJ, KORESPONDADO, “SAMIZDAT”

En Moskvo ĉe la eldonejo “Impeto” aperis pli ol 400-paĝa ruslingva monografio de Dmitrij Vlasov “Historio de aplikado de Esperanto en Rusio: gazetaro, radioelsendoj, korespondado, ‘samizdat’”.




Tiu ĉi libro estas rezulto de daŭrigo de liaj esploroj. En 2011 “Impeto” jam eldonis lian monografion “Esperanto: duonjarcento sub la cenzuro. Evoluo de Esperanto-movado kaj ĝia ĵurnalistiko sub cenzuro en Rusia imperio kaj USSR (1887–1938)”, kiu baziĝis sur lia magistra disertacio. En la nuna libro, kies bazo estas la doktora disertacio de D.Vlasov, temas pri pli granda tempoperiodo.

Tio estas unika scienca esploro, kiun la aŭtoro faris surbaze de la ĵurnalisma fakultato de SPbGU. Tiun ĉi libron eblas nomi enciklopedio de la rusia Esperanto-gazetaro de la periodo 1905–1991.

Aparte menciindas, ke 54 ilustraĵojn el la libro (kovrilojn de la gazetoj, fotojn ktp.) eblas trovi en la retejo de eldonejo: <http://lernolibro.ru/istorija_esperanto_vlasov>.

Tiu ĉi libro estas jam la 4-a, eldonita de “Impeto” en 2014.

***Dima Ŝevĉenko, administranto de la eldonejo “Impeto”***

## JARLIBRO 2014 APERIS

Komence de julio aperis *Jarlibro 2014*. En la antaŭparolo la Prezidanto Mark Fettes rerigardas al la optimismo en 1914, kiam pacmovado estis forta kaj ekestis diversaj internaciaj organizaĵoj. Ĉion rompis la milito, kiu nuligis ankaŭ la 10-an UK en Parizo. Fettes citas Hector Hodler, kiu tiam skribis: *Se sur la nunaj ruinoj ni volas konstrui novan domon, oni bezonos tiujn laboristojn, kiujn ne timigos la malfacilaĵoj de la rekonstruo. Ni esperantistoj estu la embrio de tiuj elitoj.* Referencante al la temo de la 99-a UK en Bonaero, *Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco*, Fettes skribas ke, en la antaŭenvida spirito de Hodler, esperantistoj nun viciĝas inter tiuj streboj.

Du trionoj de la 272-paĝa Jarlibro konsistas el la adresoj de 1502 delegi-

toj en 101 landoj. Estas 53 ĉefdelegitoj, 843 lokaj delegitoj, 92 vicdelegitoj, 24 junularaj kaj 1151 fakaj delegitoj. La fakdelegitoj reprezentas preskaŭ 800 fakojn. La unua parto, eldonita ankaŭ aparte kiel Gvidlibro 2014, informas pri la organoj, instancoj kaj servoj de UEA kaj TEJO, pri landaj kaj fakaj asocioj, akademioj, edukaj kaj kulturaj instancoj, bibliotekoj, radioelsendoj, kaj pri Esperanto en Interreto. Ĝi krome enhavas i.a. la Esperanto-rezoluciojn de Unesko kaj la dokumenton *Strategiaj prioritatoj de UEA 2013-2017*.




La individuaj membroj povas konsulti la Delegitan Reton k.a. informojn de la Jarlibro ankaŭ per la reta Jarlibro. Tie eblas ankaŭ rekte kontakti tiujn delegitojn, kiuj havas retadreson. En la ĉi-jara Jarlibro ili nombras 1293 (86,1%), dum pasintjare temis pri 1283 (82,5%). Al parto de la membroj la reta versio sufiĉas kaj parto ne bezonas la presitan libron, ĉar ankaŭ alia familiano membras en UEA. Tiaj membroj estis petitaj sciigi la Centan Oficejon pri sia nebezono. Entute 340 (8%) rezignis pri la presita versio, dum pasintjare ilia nombro estis 380 (9%). Pri la Gvidlibro estis male: pri la papera versio rezignis 72 membroj (17%), pasintjare 48 (14%).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ŜTONIĜINTA MUZIKO DE ARKITEKTO AVGUST ŜODE

La lasta kunveno de niaj klubanoj antaŭ someraj ferioj estis dediĉita al simbirska arkitekto Avgust Avgustoviĉ Ŝode, kies jubileon la urbo celebradas aŭguste. Estis planita ekskurso tra la centra urba parto, kie troviĝas konstruaĵoj de la fama arkitekto. Komence de la 20-a jarcento nia urbo estis malgranda, kaj ĉiuj domoj, konstruitaj de A.Ŝode, situas en la urba centro. Ĉiu klubano antaŭe elektis objekton por sia rakonto. Do, ek! La tago estis suna kaj agrabla... Restis nemultaj konstruaĵoj de A.Ŝode. Tamen ili ĉiuj aspektas tre bone kaj estas sendube la plej belaj en la urbo. Juĝu mem. Ni rakontas al vi pri kelkaj el ili. Tiujn rakontojn preparis por vi Lubovj Zajceva, Vera Tepomes, Galina Aleksejeva, Olјga



Platonova (Terentjeva), nuntempe ufaanino, Margarita Karceva kaj Oljga Sirotinina (fotoj). La informoj estas redaktitaj de Jurij Karcev.

**Ljubovj Zajceva:** Ni komencas nian ekskurson sur pitoreska bordostrato de Volga. Estas verkisto, kies kreado estas nedisigeble ligita kun Simbirsk? – I.A.Gonĉarov naskiĝis, loĝis kaj verkis en Simbirsk. Uljanovsk memoras pri sia eminenta persono. En la urbo estas kelkaj monumentoj de I.A.Gonĉarov. La plej interesa estas la domo-monumento de I.A.Gonĉarov. La inaŭguro de la domo-monumento okazis dum la centjara jubileo de Gonĉarov la 6-an de junio 1912. La aŭtoro de la projekto estis la plej bona urba arkitekto A.A.Ŝode. En la inaŭguro de la domo-monumento partoprenis amiko de la verkisto – la fama rusa juristo A.F.Koni. La organizanto de konstrua laboro estis ĉuvaŝa popola instruisto I.J.Jakovlev. En 1916 la konstruado finiĝis. La domo-monumento estas duetaĝa, havas du fasadojn. La unua fasado havas grandan fenestron kun balkono, la alia fasado havas rondan turon kun du balkonoj. La domo-monumento de I.A.Gonĉarov fare de arkitekto A.A.Ŝode estas simbolo de Uljanovsk. Nun en la domo-monumento troviĝas arta kaj regionografia muzeoj.



**Oljga Platonova**: La domo estis speciale konstruita por muzeo. En kolekto de la regiona muzeo estas pli ol 135 mil eksponaĵoj. La kolekton fondis fama simbirska bienulo V.N.Polivanov kaj simbirska nobela arkeologo-amatoro A.V.Tolstoj.

**Vera Tepomes:** La 25-an de majo 1899 oni dekretis leĝon pri organizo de edukpensionoj. Apud la domo de nobela asembleo (nuntempe la regiona biblioteko) oni konstruis la nobelan edukpensionon (nuntempe la pedagogia universitato). A.Ŝode establis ĝin kune kun sia duonfrato E.Spanner. Ĝi estis la unua konstruaĵo de la arkitekto en Simbirsk. En 1911 la edukpensiono aliformiĝis al la dua vira gimnazio. En 1923 tie estis lernejo, poste dum kelka tempo tie loĝis guberniestro. En 1932 tiu konstruaĵo estis transdonita

al la pedagogia instituto. Nun tie situas fremdlingva fakultato de la pedagogia universitato.

**Galina Aleksejeva:** Tio estas katedralo de la sanktuloj Petro kaj Paŭlo.

La unua informo pri Evangelia Luterana societo en Simbirsk ekzistas de 1777. En 1819 la komunumo ricevis permeson por diservoj en la festa halo de Simbirska gubernia gimnazio dum festaj tagoj. En 1843 oni komencis konstruadon de preĝejo ĉe kruciĝo de la stratoj Moskovskaja (nuna Lenin-strato) kaj Annenskaja (nuna strato de Fera Divizio). Oni finis la konstruadon en 1847. Dum brulego, kiu okazis la 19-an de aŭgusto 1864, la preĝejo forbrulis.

Aŭtune de 1910 kaj vintre de 1911 estis decidita konstruado de nova preĝejo. Ĝia projekto estis farita de simbirska arkitekto kaj aktivulo de komunumo de Sankta Maria – Avgust Avgustoviĉ Ŝode. Oni konstruis la preĝejon en pseŭdogotika stilo. La 3-an de novembro 1813 je la 10-a horo matene okazis sanktigado de la templo. Ene estis du orgenoj.



Fine de la 1920-aj jaroj estis konfiskitaj biblioteko, orgeno, preĝeja ilaro kaj meblo. La sonorilon oni refandis. Pli ol 60 jarojn la preĝejo ne funkciis. Dum longa tempo tie troviĝis sporta lernejo.

En 1991 oni transdonis la konstruaĵon al la evangelia luterana paroĥo de Sankta Maria, kiu estis denove registrita. La paroĥo estas distrikto de la loka religia komunumo. Arkitekto Martin Vervig projektis rekonstruon de la preĝejo, kaj la 3-an de aprilo 1994 okazis templa sanktigado.

**Margarita Karceva:** Ni scias, ke kelkaj domoj, kiujn konstruis aŭ projektis A.Ŝode en nia urbo, oni apartenigas al la secesi-stilo. Estas konata fakto, ke la secesi-stilo estas unu el pluraj nomoj por eŭropa art-historia epoko fine de la 19-a kaj komence de la 20-a jarcento. La stilo serĉis inspiron en la naturo. Tial la secesio preferis kurbajn, elipsajn, vorticajn formojn kun simbola valoro kaj ankaŭ freŝajn, diafanajn, mildajn kolorojn.

Gubernia urbo Simbirsk entuziasme akceptis freŝan estetikan ideon, kaj

post nelonga tempo en la urbo aperis propra skolo de tiu stilo, kiu videblas en multaj belegaj konstruaĵoj kaj en interna dekoro.



La domo, pri kiu mi volas rakonti al vi, estis bone konata al mi jam en mia infaneco. Ĝi apartenis al filo de ĉefo de Simbirska ĝendarmejo barono Pjotr Miĥajloviĉ fon Bradke. Apude loĝis mia avino en la infaneco.

En tiu domo estas nun muzeo, kie interalie estas reprezentita kreado de tri bone konataj simbirskaj arkitektoj: Avgust Ŝode, Fjodor Livĉak kaj Feofan Voljsov. Krome, la muzea ekspozicio enhavas originalajn aĵojn de aplika arto: meblojn, libran grafikarton, vestaĵojn, porcelanaĵojn kaj vitraĵojn.

La muzeo de arkitekta secesi-stilo estas fondita en 2007. Vidindaj estas ankaŭ aliaj (pli fruaj) partoj de la muzeo: muelejoj de Simbirska gubernio, bieno kun kortaj konstruaĵoj kaj "Simbirska abatiso – gardoturo".

En 2000 tiuj partoj (korto, ĉevalejo, kaleŝejo ktp) kaj poste la domo mem estis restaŭritaj.

Do, kaj nun mi invitas vin al la muzeo. Ni estas atendataj.

-----------------------------------

Tiamaniere finiĝis nia ekskurso. Tamen post la ekskurso ni ekvolis plu scii pri la arkitekto kaj prezenti en la muzeo esperantlingvan faldfolion pri lia vivo kaj kreado. Ĝi enhavas la sekvan tekston:



"Avgust Ŝode naskiĝis la 5-an de aŭgusto 1864 en Odeso en familio de franca civitano kaj mortis en Omsk en la jaro 1918. Klerecon li ricevis en Francio, kie li finis la lernejon kaj studis poste en arta lernejo. Li militservis en franca armeo. Poste li revenis Odeson kaj estris dum nelonga tempo meblan fabrikon.

Laŭ rekomendo de sia duonfrato, simbirska arkitekto E.Spanner, li kun sia familio venis al Simbirsk en la jaro 1897, kie li privatpraktikis. Konataj estas adresoj, kie loĝis



lia familio, tamen ĉiuj domoj estas jam detruitaj.

En la jaro 1918 A.Ŝode devis forlasi la urbon kaj fuĝis sen sia familio komence al Samara kaj poste al Omsk. Veran kialon de tiu ĉi fakto oni bedaŭrinde ankoraŭ ne scias. En Omsk li malsanis kaj mortis pro abdomena tifo. Li estis entombigita en soldata tombejo, kiu ne plu ekzistas."

A.A.Ŝode estis ano de Gubernia scienca arkiva komisiono kaj tial eble konis la unuan esperantiston de nia urbo Vasilij Koposov, pri kiu ni jam skribis en REGo (La unua simbirska E-prezidanto. REGo, № 4 (59), aŭgusto 2010, p. 23-24).

La arkitekto aktive partoprenis la urban kulturan vivon. Li estis, ekzemple, unu el organizantoj de Jubilea agrikultura gubernia ekspozicio en Simbirsk (1908) kaj ekspertizisto en la arta fako de tiu ekspozicio. Li estris la hidroteknikan kaj konstruan fakon. Kune kun komponisto A.Varlamov li estis administranto de filantropa koncerto por simbirska reallernejo.

Li kolektis utilajn kaj malutilajn ĝardenajn insektojn. Lia kolekto estis eĉ premiita dum ekspozicio (1910).

Dufoje li estis edzo. Lia unua edzino mortis en Simbirsk en 1904. Ili havis 5 infanojn. Lia dua edzino Marija (naskita Koteljnikova), kun kiu li havis 4 filojn, postvivis lin. Ŝi forpasis en 1950. Posteuloj de la arkitekto loĝas en Moskvo kaj Penza. Ili kunvenis en Uljanovsk en 2007. La nepino de A.Ŝode Lidija Georgijevna estas, laŭ ŝiaj vortoj, la lasta, kiu havas tiun familian nomon.

En 2009 omaĝe al la fama arkitekto en la urbo estis nomita nova strato.

Iu famulo diris foje, ke arkitekturo similas al ŝtoniĝinta muziko. Li pravis. La konstruaĵoj de Avgust Ŝode vere similas al muzikaĵoj, kiuj ornamas nian vivon.

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

# FONDAĴO GRABOWSKI PREMIIS MARJORIE BOULTON



En la Solena Fermo de la 99-a UK estis anoncita la decido de Fondaĵo Grabowski asigni premion al la eminenta Esperanta verkistino Marjorie Boulton, kiu en majo festis sian 90-an naskiĝdatrevenon.

Fondaĵo Grabowski de UEA estis kreita antaŭ 30 jaroj per donaco de la pola-venezuela esperantisto Adam Goralski por subteni la tutmondan Esperantan kulturon per premioj kaj subvencioj, precipe por originala kaj tradukita beletro. Ĝia juĝkomisiono konsistas el Ulrich Lins (Germanio), István Ertl (Luksemburgo) kaj Shi Chengtai (Ĉinio).

La premion konsistigas monsumo 1150 usonaj dolaroj. Marjorie Boulton ricevas ĝin kiel rekonon pro sia tuta vivoverko, kiu inkluzivas multajn pintajn verkojn de la Esperanto-literaturo, kiel ekzemple la poemarojn *Kontralte, Eroj kaj aliaj poemoj*, *Rimleteroj* (kun William Auld) kaj *Du el* (kun Poul Thorsen); la novelaron *Okuloj*; la dramkolekton *Virino ĉe la landlimo*; la biografion *Zamenhof, aŭtoro de Esperanto;* la biografian-literaturan studon *Poeto fajrokora: la verkaro de Julio Baghy;* kaj la popularan progresigan legolibron *Faktoj kaj fantazioj*.

Marjorie Boulton estas membro de la Akademio de Esperanto kaj Honora Membro de UEA kaj de la Akademio Literatura de Esperanto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

---

# NOVAJ DISKOJ DE VINILKOSMO

Aperis la dua albumo de "Kapriol'", nome "Kavaliriko" kadre de la promeskampanjo de Vinilkosmo. Temas pri la jam dua disko de la grupo, prezentanta nederlandajn kaj frisajn popolajn kantojn per nekutimaj, popolaj instrumentoj.

La nova KD-albumo de Manŭel nomiĝas "Dankas mi la vivon". Pluraj kantoj de tiu ĉi kvara disko certe gajnos popularecon, ĉar, kvankam eble la Esperantaj tekstoj foje lamas, la melodioj kaj la muzikaranĝo estas allogaj. Aparte atentindaj estas la aldonitaj dek instrumentaj kantoj kaj filmoj por karaokeo. Certe la kantoj kiel *"Marina, Marina"* kaj *"La domo de naskiĝanta sun'"* estos popularaj inter la esperantistaj karaokeuloj – eble kun parte reverkita teksto.

En la rekonstruita retejo de la eldonejo Vinilkosmo eblas elŝuti Esperanto-kantojn, muzikojn en mp3-formato!




La fizikaj KD-j mendeblas ĉe <http://www.vinilkosmo.com>. La albumoj laŭ mp3- kaj ogg-formatoj – ĉe <http://www.vinilkosmo-mp3.com>.

***Ret-Info / Lingvo-Studio***



